# REGO

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo* — № 1 (92) februaro 2016

## Gusev-kunveno en "Lev Tolstoj"






**Moskvo, 2016**

# enhavo






*jubilea APERo tradicie sukcesis*

**REGo**

**(Rusia Esperanto-Gazeto)**

*№ 1 (92) februaro 2016*

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Georgij Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Arolovič**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* gazeto@mail.ru

***abontarifoj por 2016:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 700 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo "Яндекс.Деньги"

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

***elektronika abono** – 350 rub. (10 eŭr.)*

## *Viktor Arolovič*

# DUONJARCENTO EN ESPERANTUJO

La unua parto (kronologia)

### Antaŭkomence

Mi venis en la mondon la 9-an de marto 1946 kaj la komencajn 18 vivjarojn pasigis en Rigo. Naskita en la unua postmilita jaro, mi ricevis la nomon Viktoro (latine *victor* = venkinto) honore al la Venko, en kiu parto-prenis miaj gepatroj. La patro mobiliziĝis tuj ekde la komenco kiel ordinara soldato, militis tuttempe (krom vundkuracaj paŭzoj), la venkon renkontis en Kenigsbergo; la patrino estis flegistino en milit-sanitara trajno.

Pri Esperanto mi eksciis estante lernejano. Verŝajne iam mi ion aŭdis preterdire de la gepatroj aŭ iliaj amikoj, sed pli verŝajne la unua, nur surfaca konatiĝo kun la lingvo okazis en 1957-58, kiam la duon-monata latva revuo "Zvaigzne [Stelo]" publikigadis Esperanto-materialojn. Komence tie aperis la kurso "Esperanto – internacia helplingvo" de Eduards Jaunvalks – kredeble la plej aŭtoritata latvia esperantisto tiama. La kurso daŭ-ris tra pluraj numeroj; ĉe mi kon-serviĝis unu el la lecionoj (ĝin kaj aliaĵojn mi retrovis poste: jam iĝinte E-isto, ĉe la unua konvena okazo mi fosis en malnovaj gazetoj, kiujn ŝatis akumuli hejme la patro, kaj eltranĉis E-aĵojn) – ĝi okupis tri kvaronojn de la revua paĝo, supozeble la aliaj lecionoj pli-malpli samlongis. La kurson sekvis serio "Esperanto-anguleto", kiun kompiladis malnova esperantistino Ņina Vīka. La "anguletoj" (konserviĝis dekkelkaj) okupis kutime ĝis duono de la paĝo kaj enhavis aktualajn informojn pri la movado (en Esperanto kun latva traduko, iam kun fotoj), versaĵojn, anekdotojn ktp; iuj eroj eĉ nun legiĝas kun intereso. Publikigo de E-materialoj en tioma amplekso en amasrevuo estis tiutempe afero ege neordinara kaj evidente ebla nur mal-proksime de Moskvo: ja apero de tiaĵo en la similspeca ĉefurba revuo "Ogonjok [Fajreto]" estis neimagebla.



*Rigo, 1947. Mi kun la gepatroj*

Iom poste en la urba ĵurnalo mi rimarkis informeton pri esperantista tendaro, akompanatan de foto kun homoj apud tendoj.

Ĉio ĉi estigis en mi subkonscian deziron ellerni iam tiun neordinaran lingvon kaj iĝi esperantisto.

Post kelkaj jaroj aperis ebleco por tio. Promenante en centro de la urbo, mi rimarkis anonceton invitantan al E-kurso en prestiĝa sindikatpalaco. Tamen la kurso estis pagata, sed nia familio vivis nelukse – kaj mi ne kuraĝis elpeti de la gepatroj la bezonatan monon… Post jaro mi rimarkis en la sama anoncvitrino samspecan anoncon, sed jam sen mencio pri pago! Tamen ankaŭ tiun ŝancon, kvankam senpagan, mi kun bedaŭro rezignis: mi tiam lernis en la 11-a klaso kaj devis, ne dispolvigante la tempon, prepariĝi al la lernejfinaj kaj poste studentiĝaj ekzamenoj.

La realigita ebleco aperis nur post kelkaj jaroj.

## La komenco[1]

En 1966, kiam mi estis 20-jara studento en la mekanik-matematika fakultato de MŜU (Moskva Ŝtata Universitato), la teatra studio, funkciinta en la universitata Kulturdomo, veturigis en Hungarion por IJK-22 (TEJO-Kongreso) kaj sukcese prezentis la spektaklon "Cimo" de Majakovskij, esperantigitan de Konstantin Gusev (pli detale pri tio oni povas legi en la libro de Vladimir Samodaj "Ne nur legendoj, ne nur pri SEJM"). Aŭtune la studianoj kaj aliaj universitataj esperantistoj organizis grandan propagandan vesperon, kies afiŝon mi ial preteratentis. Sed rezulte de tiu vespero en MŜU fondiĝis E-societo, kiu tuj organizis kelkajn E-rondetojn por studentoj de diversaj fakultatoj. Unu el tiuj rondetoj ekfunkciis en nia fakultato, kaj ties anoncon mi ja rimarkis.

Al tiu rondeto mi aliĝis senhezite, kion influis du cirkonstancoj. Unue, mi jam sciis principe, kio estas Esperanto, kaj plu tenis ie en la kapo la ideon ke, se aperos ebleco lerni ĝin, necesus bonuzi la ŝancon. Due, en nia tria kurso oni devis jam vizitadi specialajn lekciarojn, kiuj okazis vespere, samkiel la E-rondeto. Do estis tre bonŝance, ke la semajntago de la E-rondeto ne koincidis kun tiuj de la specialaj lekciaroj, jam elektitaj kaj ekfrekventitaj de mi.

Do: ĵaŭde, la 17-an de novembro (koincide, estis Internacia Studenta Tago) mi, kun pura kajero, skribilo kaj la speciale aĉetita rusa-Esperanta vortaro de Bokarjov (eldonita ĝuste tiujare kaj vendata en universitataj librobutikoj), venis al mia unua E-leciono. Ĉeestis ĉ. dudeko da samfakultatanoj. Gvidis la rondeton aspiranto Aleksandro Mutilin.

---

[1] Pli frua versio de ĉi tiu ĉapitro aperis kiel aparta artikolo "Mi aliĝis al la E-movado por la tuta vivo" en la revuo "Komencanto" (2005, n-ro 2, la rubriko "Kiel tio komenciĝis") dank' al instigo de ties redaktoro, la karmemora Viktoro Kudrjavcev.

Tiam mi skrupule notadis ĉion diratan de li, sed poste, jam maturiĝinte, mi relegis la kajeron kaj komprenis, ke Aleksandro instruis al ni iom strangan Esperanton. Ekzemple, li povis intermiksi la vortojn "apenaŭ" kaj "almenaŭ"; rakontante pli la sufikso "um", li donis ekzemplon "listo–listumi" (en la senco "folio–foliumi"); laŭ li "miaŭo" estis sinonimo de "kato"; kaj li estis certa ke en Esperanto estas korektaj t.n. absolutaj frazkonstruoj (ekzemple,"Mi vekiĝos, la koko krionte [= kiam la koko krios]"). Aleksandro estis nemovadema, kabineta esperantisto kun ne tute modela lingvoscio; iuj klaĉis ke li estas kaŝita idisto...

Sed en la komenca stadio mi tiujn nuancojn ne distingis. Mi diligente reskribadis ĉion, kion Aleksandro skribis sur la tabulo, kaj klopodis papage ripeti la buŝajn ekzemplojn, perceptante la vortojn bloke, sen enpensiĝi pri ties morfema strukturo. Rezulte mi povis, se la instruanto prononcis la necesan vorton ne tre klare, diri ekz. "verŝani" anstataŭ "verŝajne".

Poiomete nia rondeto komencis maldensiĝi, al la lecionoj venadis ĉiufoje malpli da lernantoj. Mi tion ne atentis kaj persiste vizitis ĉiun lecionon. Aleksandro rimarkis mian aktivecon kaj, post kiam la rondeto ekpaŭzis por la vintraj ferioj, trovis min kaj komisiis pendigi anoncon pri renovigo de la lecionoj. Mi entuziasmiĝis kaj, arminte min per la Bokarjova vortaro, faris la anoncon dulingve. Aleksandro legis ĝin, jam pendigitan, kaj diris ridetante: "Bonan afiŝon vi faris. Vere, ĝi enhavas dekon da eraroj; ne gravas, sekvafoje estos malpli".

Aleksandro informis nin pri la ebleco aboni por la komenciĝinta jaro 1967 kelkajn E-revuojn pere de Moskva Internacia Esperanto-klubo. Mi elektis por mi ĉiumonatan kaj relative malmultekostan revuon "Bulgara Esperantisto" – kaj poste restis ties fidela abonanto dum proksimume kvaronjarcento. Tiu revuo, krom sciigi pli sialandaj kaj mondskalaj E-eventoj, malavare disponigis siajn paĝojn por movadaj informoj el Sovetio, kiam ties esperantistaro havis nek landan asocion, nek oficialan organon.

Iam Aleksandro rakontis al ni pri la universitata E-societo, pri ĝiaj estraranoj (al kiuj ankaŭ li apartenis); preskaŭ ĉiuj ili gvidis la paralelajn rondetojn. Tiuj estraranoj ŝajnis al mi iaj ĉielloĝantoj, kaj kiam li diris, ke mi faras sukcesojn kaj meritus perspektive iĝi estrarano, mi tre miris. Certe tiam mi ne imagis, ke poste mi vere apartenos eĉ al multe pli gravaj E-estraroj...

Kaj baldaŭ estis oportuna okazo por vidi vive tiujn misterajn estraranojn. En Moskvo gastis (kredeble profesie, kiel fakulo pri la sovetia juro) la tiama prezidanto de UEA Ivo Lapenna, kaj la E-societo invitis lin prelegi en MŜU. Mi memoras ne tro grandan ĉambron, dense ŝtopitan de homoj: esperantistoj, universitataj kaj el aliaj moskvaj E-kluboj, kaj neesper-

antistoj. La kunvenon gvidis Vladimir Samodaj, la prezidanto de la societo. Lapenna prelegis en Esperanto, Vera Zlotnikova interpretis rusen. La temo, kiom mi memoras, estis klasika: la lingva problemo en internaciaj rilatoj kaj Esperanto kiel ĝia optimuma solvo. Lapenna oratoris bele kaj verve, sed kapti tuj la sencon mi ankoraŭ ne kapablis kaj orientiĝis al la buŝtraduko. Fine de la prelego okazis anekdoto. Iu ne tro sagaca aŭskultinto demandis: "Vi tiel bele laŭdis Esperanton, sed ĉu vi povas diri en tiu lingvo almenaŭ kelkajn vortojn?". Tondra ridego de la publiko estis la plej elokventa respondo...

Sed mi revenu al nia E-rondeto. Ĝia anaro daŭre degelis, kaj kiam ni restis 2-3-ope, Aleksandro diris: "Sufiĉas. Instrui plu mi ne vidas sencon". Kaj li direktis nin al alia Aleksandro – nun konata kiel usonano Alex Karkovsky, sed tiam moskva ĵurnalisto Aleksandro Ĥarjkovskij, kies rondeto ankoraŭ ne atingis la disfalan stadion. Li gvidis sian rondeton pli vigle ol nia instruinto, kaj liaj lernintoj pli progresis en la lingvo. Mi provis samritmiĝi kun ili, sed ne tre sukcese, kaj Aleksandro diris rekte: "Viktoro, vi postrestas". Li donis al mi bibliografian raraĵon – la faman lernolibron de Sergej Rublov "Esperanto-rondeto", kaj mi ekster la lecionoj tre atente legis ĝin kaj pliriĉigis miajn gramatikajn kaj vortprovizajn sciojn. Estis jam majo, la vetero estis tre varma, kaj mi faris tion dum sunbruniĝado, kuŝante sur la larĝa fenestrobreto de la universitata komunloĝejo.

Tamen necesis subteni la sciojn praktike. Bonŝance inter la novaj samrondetanoj estis Jefim Cirlin, mia samkursano kaj komunloĝeja najbaro. Li proponis al mi ekzercigi la langon, babilante en Esperanto duope. Mi kun plezuro konsentis, kaj ni esperantumis preskaŭ ĉiutage: iam li venis en mian ĉambron, iam mi reciprokis, sed plej ofte ni, por ne ĝeni la samĉambranojn, promenis tra la longaj komunloĝejaj koridoroj kaj parolis, parolis...

Nian entuziasmon pliigis dumleciona informo de Ĥarjkovskij pri la okazonta en Litovio 9-a Balta studenta kaj junulara Esperanto-tendaro (BET-9) – tiaj tendaroj okazadis laŭvice en la tri baltiaj respublikoj. Li atentigis, ke tie ĉiuj parolos nur en Esperanto kaj necesos scii la lingvon pli bone ol nun. Jefim kaj mi decidis, ke ankaŭ ni nepre veturu tien. Ni plu ekzerciĝis eĉ kun duobla fervoro, malgraŭ la proksimiĝanta sesio. Jefim havis magnetofonon, kaj ni uzis ĝin por perfektigi la E-prononcon.

Do, kiam la rondeto de Aleksandro atingis la lastan lecionon, mi jam multe progresis en la lingvo. Por partopreni en la tendaro li donis al mi paperon titolitan "Aliĝilo" – tiun vorton mi renkontis unuafoje, sed ties signifon mi komprenis senprobleme. Mi plenigis la aliĝilon, ankoraŭ ne konsciante, ke per tio mi aliĝas al la E-movado por la tuta vivo.

## La unua tendaro

Transdoninte al Aleksandro la aliĝilon kaj paginte la kotizon, mi malpacience ekatendis la tendaron. La poŝto liveris al mi tendaran bultenon kun klarigoj pri manieroj atingi la lokon, listo de kunprenendaj aĵoj (en kiu tamen estis grava manko, menciota sube) ktp. Do, pleniginte mian dorsosaketon kaj sekvante la fervojtrafikajn instrukciojn, la 1-an de aŭgusto 1967 mi venis en la unuan por mi E-tendaron. Sed tiumomente mi jam ne sentis min komencanto, ĉar povis paroli sufiĉe vigle kaj senĝene, kvankam ja ne senerare.

Registriĝante mi, samkiel aliaj tendaranoj, ricevis tendaran insignon, kantareton "Juneco kantas" kaj belan koltukon kun emblemoj de la antaŭaj kaj la aktuala BET-oj. La koltuko evidentiĝis rara memoraĵspeco, en postaj miaj tendaroj tiaĵo estis preskaŭ neniam. Aliflanke, surmanikan oficialan emblemon de la tendaro mi ne memoras, kredeble ĝi ne ekzistis; kun tiu preskaŭ konstanta atributo mi konatiĝis poste, en sekvaj tendaroj.

La tendaro pasis en arbaraj kondiĉoj, ĉe laga bordo apud la vilaĝo Kaltanenai. La programo estis pli-malpli tradicia (tion mi konstatas nun, sed tiam kompreneble ĉio por mi estis nova): kursoj por komencantoj (el la 150 partoprenintoj du trionoj estis unuafojaj tendaranoj), seminarioj, Somera Universitato, koncertoj, E-ekspozicio, prelego kun koncerteto por apudaj vilaĝanoj, adiaŭa maskobalo. Neordinaraĵo estis eta tendara "olimpiko": oni konkursis amatore pri leĝera atletiko, naĝado kaj orientado (en ĉi-lasta ankaŭ mi partoprenis).

La tendara programo ĉiutage komenciĝis per gimnastiko (memkompreneble, en Esperanto) kaj matena kunveno, en kiu oni disdonis kuponojn por ricevi manĝojn dumtage (ni ŝerce nomis ilin "pantalonoj") kaj la tendarestro Vitas Ŝilas faris anoncojn. Krom ĉio alia li informis pri rimarkita antaŭtage krokodilado. La aperinta poste facilanima tradicio kun aplaŭd-akompana enmanigo de pupa krokodilo tute ne similis la tiaman eron: Vitas simple anoncis la nomon kaj la urbon de vica kulpinto, kaj tiu devis



*BET-9 (SEJT-9), 1967. Grupo de tendaranoj: la dua dekstre estas Dina Lukjanec; dekstre de mi sidas Bela, la filino de Boris Kolker*

ekstari kaj aŭdi riproĉajn vortojn.

La E-kursojn por komencantoj gvidis rigano Ervins Mozerts. Li konstruis specialan magnetofonan sistemon, per kiu pluraj lernantoj kun kapaŭdiloj povis ekzerciĝi samtempe. Sed la funkciad-principo de tiu sistemo restis nekonata por mi, ĉar mi nur epizode observis la instruadon deflanke: opiniante (certe, tro memfide) tion jam nebezonata, mi interesiĝis pri pli interesaj programeroj: prelegoj kaj seminarioj – kaj pri liberaj konversacioj kun pli spertaj tendaranoj. Ja la tendaron partoprenis preskaŭ ĉiuj tiamaj SEJM-elstaruloj: Anatolo Gonĉarov (Barnaul), Boris Kolker (Baŝkirio), Vladimir Samodaj (Moskvo), Vitas Ŝilas (Vilnius), Vladimir Bespalov (Soĉi), bedaŭrinde antaŭnelonge forpasinta Eŭgeno Perevertajlo (Taŝkent), Jefim Zajdman (Kolomna). Iom pli junaj, sed ankaŭ rimarkindaj aktivuloj estis Leo Kazancev (Ivanovo) kaj Mikaelo Bronŝtejn (Ĥmelnickij).

Mi kunhavis kajeron por noti pli-malpli ĉion gravan, okazantan en la tendaro (kaj poste mi konservis tiun kutimon por pluraj postaj tendaroj, konferencoj k.a.). El Somera Universitato en mia kajero ial estas notitaj nur du prelegoj: de Boris Kolker "Internacia lingvo kaj interlingvistiko" kaj de Aleksandro Ĥarjkovskij "Esperanto kiel lingvo de scienco". Sed fakte estis ankoraŭ minimume du prelegoj: Ĥarjkovskij krome prelegis pri Vasilij Eroŝenko, kaj la rektoro de nia universitato Algimantas Skupas (Vilnius) rakontis pri sia staĝado en Francio.

Precipe interesis min la aranĝo, en kiu mi unuafoje aŭdis la nomon SEJM. Ĝi tiam estis nomita "Seminario de junularaj aktivuloj [aŭ eble: gvidantoj]" (poste ĝi iĝis ĉiujara kaj eknomiĝis SEJM-Seminario kaj definitive SEJM-Konferenco). Gvidis la seminarion SEJM-prezidanto Anatolo Gonĉarov; malfermante ĝin, li emfazis, ke simila aranĝo estas la unua landskale. Dum la seminario temis pri gravaj diskutindaĵoj: SEJM-laborformoj, studenta agado, problemoj de E-propagando, novaj instrumetodoj, kluba laboro k. a.

La "specifeco de la kuranta momento" estis, ke tiutempe en la sovetia E-movado, precipe en la baltiaj respublikoj, okazis streĉa intergeneracia konflikto, fontinta fakte el rivaleco de ambicioj. Ĝia kulmino miaobserve estis la fakto, ke samtempe en Litovio pasis du aranĝoj nomataj "la 9-a BET": unu okazis solene en Vilnius, en impona kulturpalaco, kun oficiale invititaj eksterlandanoj, tie partoprenis plejparte pliaĝuloj, kaj la alia – nia, "sovaĝa", en arbaro, vere junulara (nur ĉ. 10 % aĝis pli ol 30 jarojn). La rilatoj inter gvidantoj de la tendaroj estis senkaŝe malŝataj: la maljunuloj kulpigis siajn junajn kolegojn pri skismo kaj deziro "okupi la verdan tronon", la junuloj respondis ke nur nia aranĝo havas moralan rajton nomiĝi tendaro, ĉar ni reale loĝas en tendoj, sed ne en komfortaj hoteloj, kiel la

oponantoj. Reprezentantoj de ambaŭ tendaroj interŝanĝis gastvizitojn, sed tio ne multe mildigis la situacion. Kiel ajn, la temo "patroj kaj filoj" ankaŭ okupis certan atenton en la seminaria programo. Nur poste, kun prudentiĝo de la junularo kaj malfortiĝo de la oldularo, ĝi poiome perdis la aktualecon.

Tamen la menciita konflikto kaŭzis vere mejloŝtonan decidon, kiun pridiskutis kaj akceptis jam ne la seminario, sed la tuta tendaro. Mi prezentu la plenan tekston, kiun mi tiam reskribis de sur la tendara anonc-tabulo[1]:

Decido de BET-9 Nr. 1

KONSIDERANTE, KE

1. Baltajn studentajn kaj junularajn E-tendarojn (BET) iniciatis junularaj koordinaj delegitoj de Latvio, Estonio, Litovio **kaj Ukrainio**, do ne nur el Baltaj respublikoj;

2. La tendarojn preparis koordinaj delegitoj de diversaj sovetaj respublikoj;

3. BETojn gvidis estraroj, konsistantaj ne nur el baltanoj;

4. BETojn aktive partoprenis junularo ne nur el Baltaj, sed ankaŭ el aliaj sovetaj respublikoj,

– NI OPINIAS, ke titolo "Balta Studenta kaj Junulara Esperanto-tendaro" (BET) ne respegulas plene la tendarojn enhave,

kaj ŜANĜAS titolon BET al SEJT

(Soveta Esperantista Junulara Tendaro).

Do, la vica, **deka** Junulara E-tendaro portu la nomon SEJT-10.

Ĝenerala Kunveno.

La kunveno akceptis ankaŭ Decidon Nr. 2, malpli interesan, do mi re-skribis ĝin ne plene. Tie estis ĝeneralaĵoj (praĝermo de la onta SEJT-Regularo), konkreta rekomendo pri la tempo de SEJT-10, listo de ties koordinaj delegitoj (tiel oni nomis respublikajn kaj regionajn reprezentan-tojn, kiuj prizorgis preparadon de la tendaro) – kiel poste evidentiĝis, la lasta, ĉar en SEJT-10 oni decidis, ke preparado kaj okazigo de SEJT estu afero ne plu de koordinaj delegitoj, sed de la tuta SEJM. El la teksto de la Decido mi citu nur unu, la plej gravan linion:

V. SEJT-10 okazu en Azio.

Tio signifis, ke kun ŝanĝo de la tendara titolo ŝanĝiĝis ankaŭ la teritorio por organizi SEJT-on: ekde tiam SEJT povis okazi en ajna konvena loko de Sovetio. Efektive: SEJT-10 okazis en Altajo, sekvis Karpatoj, Baŝkirio, Kievo, Apudmoskvo ktp.

---

[1] Per la sube citita dokumento, ankaŭ per ties ĉirkaŭteksto, mi reeĥas la alvokon de Anatolo Gonĉarov en REGo 5 (90), p. 7.

Kiel kutime en tendaroj, en SEJT-9 konstante estis kantoj ĉe lignofajro. Por tio kontribuis la menciita kantareto, preparita de la organizantoj. Dum vesperaj kantadoj konstante gitarludis Leonid Borisov (Kolomna). Ne mankis ankaŭ dancoj. Post kiam kantoj kaj dancoj elĉerpiĝis, pluraj tendaranoj restis ĉe la fajro por babili, rakonti anekdotojn, ludi. Tre populara inter tiuj postvesperaj ludoj estis “ручеёк”, kiun ni en Esperanto nomis “rivereto”, ĉar la vorton “rojo” neniu el la ludantoj sciis. Foje ni ludis ĝin, laŭte komentante kaj ridante, ĝis la 3-a horo nokte – fine aperis la severa Ŝilas kaj proponis ke ni disiru por dormi.

Ĉiu grupo el tiu aŭ alia urbo aŭ regiono klopodis esti rimarkebla. En nia moskva grupo estis homoj kaj antaŭe nekonataj al mi (ekz. Galina Staneŝnikova, Oleg Ŝtraler), kaj jam konataj el MŜU (krom la jam menciitaj, al tiuj apartenis ekz. Leo Medvedev). Inter la lastaj estis ankaŭ anoj de la teatra studio, sed nur triope. Tio ne sufiĉis por realigi intencon de Samodaj: montri al la tendaranoj sceneton el “Cimo”, do li varbis elinter la moskvanoj ankoraŭ kelkajn junulojn, inkluzive min. Ni devis, en roloj de fajrobrigadanoj, marŝi, ĥore skandante versan komenton al rolludita sceneto (post la sukcesa elpaŝo tiu versaĵo devus esti tuj forgesita, kaj intertempe mankis bezonoj por rememori ĝin; tamen la homa memoro estas paradoksa: gravaj aferoj forgesiĝas nesaveble, sed hazardaĵoj ial fiksiĝas por multaj jardekoj – do nun mi restarigis la versaĵon senprobleme):

Amikoj, kamaradoj!
Venenas brand’.
Pro ebriuloj
povas
forbruli land’!
Loĝantoj kun primusoj
kaj kun kamen’,
Vi forbruligos hejmon
kaj brulos mem!
Ekdormo
hazarda
bruligas subite –
enuan
poeton
ne legu enlite![1]

[1] Per publikigo de ĉi tiu modesta teksto mi omaĝas la elstaran tradukiston Konstantin Gusev, kies centjara jubileo ĵus pasis. Interesiĝantoj povas kompari la tradukon kun la originalo:

Товарищи и граждане, / водка — яд. // Пьяные / республику / за зря спалят! // Живя с каминами, / живя с примуса́ми, // сожжете дом / и сгорите сами́! // Случайный / сон — / причина пожаров, — // на сон / не читайте / Надсо́на и Жарова!

Mi preparis ankaŭ personan kontribuon al la tendara programo. Dum la antaŭtendara atendado mi decidis traduki ion el mia ŝtatata romano “Dek du seĝoj” de Ilf kaj Petrov. Armita nur per Bokarjova vortaro, mi sukcesis traduki plene la ĉapitron “Interplaneda ŝaka kongreso”. La kajeron kun la traduko mi kunprenis en la tendaron. Konatiĝinte kun la tendara programo, mi rimarkis tie la eron “Poezia vespero”. Vere, ne temis pri plenformata vespero ĉe lignofajro, sed pri tempo antaŭ vespermanĝo, sed tio ne gravis. Mi trovis respondeculo(j)n pri la programero kaj proponis: “Vi preparas poeziaĵojn, kaj mi havas prozaĵon. Eble ni unuigu la fortojn kaj nomu la aranĝon Literatura vespero?” Oni akceptis.

Do, dum la Literatura vespero post kelkaj ne tre longaj poeziaĵoj venis mia vico. Mi vigle komencis, sed legante plu perceptis baldaŭ, ke la ĉapitro tamen estas tro longa. Sed kion fari? Redukti dumlege mi ne pretis, timante erare forigi ion gravan, do mi legis plu. La publiko pacience aŭskultis, mi persiste legis. Intertempe krepuskiĝis, legi iĝis malfacile, kaj iu donis al mi porhelpe poŝlumilon (jen kio mankis en la listo de kunprenendaĵoj; la propran mi ne kunprenis pro malsperteco pri turismaj aferoj). Se iu fajfus aŭ proteste krius, por ke mi ĉesu, mi certe cedus, pardonpetus kaj forirus. Sed oni aŭskultis silente, kaj mi eltenis ĝis la finaj aplaŭdoj. Evidentiĝis, ke mi legis dum pli ol duonhoro. Mia elpaŝo estis akceptita favore, kvankam ne tute laŭmerite – ne nur ĉar la legado estis lacige longa, sed ankaŭ ĉar la traduko certe enhavis fuŝajn lokojn (ekz. mi skribis “unutempa” anstataŭ “samtempa”), kion pli sperta parto de la tendaranoj sendube rimarkis, sed delikate ne montris tion. Laŭ tia kuraĝiga sinteno mi perceptis, ke mi trafis inter amikojn, do tiu epizodo (inter aliaj) firme konvinkis min, ke Esperantujo estas ankaŭ mia medio, en kiu mi spiros komforte.

Ĉu en la ĝenerala kunveno, ĉu en la aktivula seminario (precize mi ne memoras) oni distribuis komisiojn: kiu informos pri la tendaro al kiu revuo? Mi volontiĝis, kaj neniu kontraŭis, kompili artikolon por la plaĉinta al mi “Bulgara Esperantisto”. Do mi verkis detalan artikolon, kaj post kvar monatoj ĝi senredukte (pli ol paĝo) aperis en la revuo. Tiel mi debutis en la E-gazetaro.

## 1968 kaj aliaj jaroj

Komenciĝis la nova studjaro. La universitata E-societo denove invitis al rondeto(j) komencantojn, dum por ni, restintoj de la antaŭjaraj rondetoj, funkciis daŭriga kurso. La kurson gvidis Vera Zlotnikova laŭ la libreto de Leopold Dreher “Supera kurso de Esperanto”. Dum la lecionoj ni ne nur pridiskutis diversajn lingvajn nuancojn, sed ankaŭ ricevadis utilajn sciojn pri Zamenhof kaj la movado.

Parto de aktivaj E-societanoj (Jefim, mi, Leo k.a.) iĝis vizitantoj de aliaj moskvaj E-kluboj, precipe de MIEK (Moskva Internacia E-klubo), kiu kunvenadis en la Centra Kulturdomo de medicinistoj. Kernon de tiu klubo konsistigis harditaj veteranoj el la antaŭmilita generacio – ili ankoraŭ estis tute viglaj, kaj la klubkunvenoj pasis interese. Gvidis la kunvenojn la klubprezidanto Eŭgeno Salnikov. Pli-malpli oftaj prelegantoj dum la kunvenoj estis Eŭgeno Bokarjov, David Armand, Nikolaj Danovskij, Boris Tokarev, Aron Zisman k.a. Menciindas ankaŭ nemalhaveblaj kontribuantoj al normala funkciado de la klubo: sekretario Konstantin Lavrentjev, kronikisto Teodoro Kulagin, abonperanto Ivan Palkin.

Grava aranĝo en la kluba vivo estis senmalgajna loterio, regule organizata kiel esprimo de la solidareco kun esperantistoj de Vjetnamio, kiuj en la malfacilaj militaj kondiĉoj sukcesis publikigi E-librojn. Al tiuj loterioj, organizataj ĉefe de senlacaj veteraninoj, fratinoj Jelizaveta kaj Vera Ostroĵnikova, esperantistoj venadis amase. Por la loteria fonduso malnovaj esperantistoj oferis superfluajn librojn, revuojn, insignojn, aliajn esperantaĵojn; krome, ĉar iuj kuninvitis neesperantistajn geamikojn, estis gajneblaj ankaŭ ordinaraj utilaĵoj (kajeroj, skribiloj, sapoj ktp). La anoncado kaj tuja enmanigo de gajnaĵoj pasis vigle; mi memoras kiel ĉiujn aplaŭdigis la epizodo, kiam la vortaron de Bokarjov surprize gajnis la aŭtoro mem. Unuafoje mi partoprenis tian loterion ankoraŭ printempe, kiam mi frekventis la rondeton de Ĥarjkovskij. Tiam mi aĉetis dekon da biletoj kaj poste interŝanĝis miajn gajnaĵojn kun tiuj, kiuj gajnis E-revuojn sed ne tro bezonis ilin – tiamaniere ĉe mi aperis valorega numero de "Pola Esperantisto" el 1959 kun detale ilustritaj materialoj pri la okazinta en Varsovio 44-a Universala Kongreso. Sekvafoje mi jam kontribuis al la loterio pli aktive, disvastigante biletojn inter niaj novaj komencantoj.

Fojfoje la klubon gastvizitis aliurbaj samideanoj – plejparte tute novaj por mi homoj; tiel mi konatiĝis ekz. kun Dmitrij Cibulevskij el Ĥarjkov. Malpli ofte venadis eksterlandaj gastoj; mi nebule rememoras printempan klubkunvenon, kiam mi unuafoje venis al MIEK: tiam oni bonvenigis iun gravan eksterlandanon. Bedaŭrinde mi tiam komprenis malmulte el la parolo de la gasto kaj eĉ lian nomon ne memorfiksis (eble tiu estis Tibor Sekelj?). Por renkontiĝi kun la gasto venis multaj esperantistoj, la klubejo zumis kiel abelujo. La klubanoj ĉirkaŭis lin kaj vigle konversaciis, la parolfadenon mi ne povis sekvi kaj ĉefe gapis. Mi atentis, ke iom flanke de ĉiuj staras mezaĝa grizethara viro kun okulvitroj. Videblis, ke la konversacion li komprenas; tamen li ne intervenis, sed nur observis kaj ridetis lipangule. Lian nomon mi tiam ne eksciis, sed la vizaĝon memorfiksis.

Aŭtune la E-Komisiono ĉe SSOD (Unio de sovetiaj amikec-societoj)

decidis plivigligi sian laboron kaj invitis por interparoli grupon da gejunuloj – antaŭnelongajn SEJT-anojn kaj aliajn. Prezidanto de la Komisiono profesoro Bokarjov prezentis sin mem kaj la respondecan sekretarion Anatolij Makovskij: evidentiĝis, ke tiu estas la okulvitrulo, kiun mi rimarkis printempe. Ili priskribis al ni la taskojn de la komisiono – precipe tiujn, sufiĉe simplajn kaj rutinajn, kie nia helpo povus utili, ekzemple skribi adresojn surkoverte por amasaj dissendoj. Iuj el la venintaj gejunuloj trovis tion neinteresa kaj komprenigis, ke oni pri ili ne esperu. Sed mi estis inter tiuj, kiuj restis kaj poste fojfoje vizitadis la komisionon kun reciproka utilo: farinte ion laŭ komisio de Makovskij, oni povis foriri kun nova aŭ malnova numero de "Por la paco" (dum la tuta tempo de SSOD-vizitoj mi tiel akumulis kolekton el ĉiuj 12 numeroj), kun freŝa eksterlanda E-revuo aŭ kun respondkupono[1] kaŝe elprenita el koverto kun letero de eksterlandano…

Venis la jaro 1968. Tiuj, kiuj vivis tiam, memoras tiujarajn eventojn, kiam bolis pasioj en Parizo, en Ĉeĥoslovakio kaj aliloke. Ankaŭ en Esperantujo, por SEJM, por la universitata E-societo kaj persone por mi la jaro evidentiĝis eventoriĉa.

Por moskvaj kaj precipe universitataj esperantistoj la plej rimarkinda evento, kiu daŭris ĉ. duonjaron ekde lastaj monatoj de 1967, estis moskva restado de hungara profesoro István Szerdahelyi. Li venis en Moskvon por staĝado kiel profesoro pri la rusa lingvo en Budapeŝta Universitato, kie li estris ankaŭ la katedron de Esperanto. La profesoro prelegis en MIEK, en la E-klubo ĉe Moskva Urba Domo de instruistoj, kaj nature venis vico ankaŭ por la universitata E-societo. Li interkonsentis kun ni pri la temo de la prelego: "La valoro de Esperanto: scienca, pedagogia, didaktika", ni pendigis afiŝojn. Por aŭskulti venis multaj studentoj, instruistoj k.a.; ni invitis ankaŭ kelkajn moskvajn E-eminentulojn, inter ili estis la plej malnova tiutempe esperantisto en USSR profesoro Sergej Ĉaĥotin. La preleginto parolis nelonge, sed tre konvinke kaj imprese, rakontante pri la budapeŝta sperto de E-instruado. Fine de la prelego li esprimis deziron gvidi novan porkomencantan rondeton en MŜU. La propono estis akceptita entuziasme, tuj registriĝis pli ol 30 dezirantoj (kaj por la unua leciono venis eĉ pli multaj).

---

[1] Por novgeneraciaj legantoj: internacia respondkupono, aŭ familiare irko, estis maniero pripagi anticipe respondon al sia letero alilanden. En la moskva ĉefpoŝtejo principe eblis interŝanĝi irkon kontraŭ poŝtmarko(j) por afranki leteron eksterlanden. Sed sagacaj homoj preferis irkojn akumuli: kolektinte ilin en necesa kvanto, oni povis ekz. mendi el eksterlando E-libron aŭ eĉ pagi UEA-kotizon. Fakte tio estis alternativa valuto por limigita uzo, sed diference de aŭtenta valuto kolektado de irkoj en Sovetio miascie ne estis kontraŭleĝa.

Pri tiu prelego mi faris dufrazan informeton kaj portis ĝin al la universitata ĵurnalo (tie estis speciala kolumneto por tiaj kurtaĵoj). Ties respondeca sekretario diris, ke ĝi taŭgas, kaj promesis publikigon. Efektive, en la baldaŭa numero mia informeto aperis, tamen… el la du frazoj la unua restis senŝanĝe, sed la dua estis kripligita nerekoneble. En mia varianto ĝi tekstis jene: "Li faris prelegon 'La valoro de Esperanto: scienca, pedagogia, didaktika'". En la ĵurnalo ĝi aspektis tiel: "Li faris prelegojn antaŭ studentoj de diversaj fakultatoj". Mi revizitis la redakcion, la ĉagrenita respondeca sekretario diris: "Mi bedaŭras, la cenzuro malpermesis. Mi mem ne atendis tion". Estis strange, ĉar jaron pli frue simila informeto pri la supremenciita prelego de Ivo Lapenna ja aperis kun E-mencio. Kiel ajn, mi unuafoje frontis proprasperte la problemon de cenzuraj baroj kontraŭ Esperanto.

La rondeto mem funkciis kun enviinda sukceso. La profesoro, malgraŭ profesia scio de la rusa, praktike ne uzis ĝin instrucele. Li virtuoze instruis laŭ la rekta metodo, tuj aktivigante la rondetanojn: jam en la unua leciono ili povis ne nur respondi liajn demandojn, sed eĉ interŝanĝi demandojn kaj respondojn inter si – vera miraklo! La "tradicia" forfalo de frekventantoj preskaŭ ne okazis; male – en la ejo, antaŭe planita por la rondeto, ne sufiĉis lokoj, kaj necesis ĝin ŝanĝi. Post kiam la rondeto sukcese atingis la finon, kelkaj rondetanoj kaj E-societanoj varme akompanis la profesoron ĉe lia trajna forveturo el Moskvo.

Samtempe kun la menciita prelego de prof. Szerdahelyi en MŜU ekrealiĝis nia iniciato, kiu por pluraj monatoj iĝis verŝajne centra en la universitata E-vivo: aperis la unua numero de nia E-murgazeto. Ni decidis regule aperigi ĝin ruslingve, por la publiko. Kondiĉoj por tio estis konvenaj, ĉar post kiam la teatra studio sukcese prezentis esperantigitan "Cimon" en Hungario kaj sekvajare en Pollando, la E-societo kaj ties gvidanto Samodaj ĝuis tre favoran rilaton flanke de estroj de la Kulturdomo. Dank' al tio ni sukcesis ricevi por la murgazeto grandan standon. Ĝian areon ni uzis jene: krom la mur-



*Moskvo, 1968. Akompano de István Szerdahelyi (inter mi kaj Sergej N. Kuznecov) en Kieva stacidomo*

gazeto mem, sur la stando estis spaceto por operative ŝanĝiĝantaj anoncoj, kaj malsupre ni fiksis speciale faritan poŝtkeston por reeĥoj. La respondecan laboron de murgazeta redaktoro oni komisiis al mi – tiel, de nulo kaj amatore, ekis mia redaktora kariero.

Materialoj por la murgazeto havis diversajn fontojn: ion mi verkis mem, io estis prenata el E-gazetaro, ion disponigis MIEK ktp. Eknecesis E-tajpilo – por E-versaĵoj kaj paralelaj tekstoj, kaj ĝin liveris aktiva E-societanino Tatjana Preobraĵenskaja (poste Baĉina): ŝi sciis la lingvon ekde la infaneco dank' al esperantista avino, evidente la malnova tajpilo ankaŭ estis avina. Pri rusa tajpilo la demando estis malpli akra, tamen memorŝajne ĝin same pruntedonis Tatjana.

Dum preparado de unu el fruaj murgazetaj numeroj okazis malagrabla miskompreno. Vera Zlotnikova donis al ni freŝan numeron de “Esperanto”, dediĉitan al jubileo de UEA, kaj diris: “Uzu por la murgazeto laŭbezone”. Mi kaj Leo, nelonge pensante, eltondis el la kovrilpaĝo la plej allogajn fotojn kaj dise gluis tra la murgazeta spaco. Sed poste ni devis ruĝiĝi pro tiu misfaro: ekvidinte la rezulton, Vera estis preta sveni kaj laŭte insultegis nin, ĉar ŝi estis subkompreninta nur retajpon de tekstoj sed certe ne difekton de la valora revuo. Ŝi konsoliĝis nur tiam, kiam prof. Szerdahelyi, eksciinte pri la skandalo, promesis akiri alian ekzempleron de la suferinta revunumero, dank' al siaj kontaktoj kun CO de UEA.

En komencaj monatoj la stando kun la murgazeto staris en tre oportuna loko – ronda spaceto en la unua etaĝo inter du plej grandaj aŭditorioj de la centra korpuso. Ĉiutage tiun lokon preteriris miloj da studentoj kaj instruistoj, kaj krome – diversaj oficvojaĝantoj, ekskursantoj, delegitoj de sciencaj kaj aliaj forumoj, konstante okazigataj en MŜU. Poste la murgazeto estis translokita al malpli luksa, sed tutegale tre vigla loko: komenco de koridoro, kondukanta al komunloĝeja korpuso el la centra. Plurfoje ni vidis, ke ĉe la murgazeto staras samtempe kelkaj homoj kaj interŝanĝas komentojn pri la legataj materialoj. La plej interesitaj legantoj metis siajn opiniojn kaj demandojn en la poŝtkeston, poste ni utiligis tion por sekvaj numeroj; foje tie troviĝis eĉ papera rublo (kosto de du tagmanĝoj en studenta manĝejo)! Unuvorte, nia murgazeto estis rimarkata ero de la eksterstuda vivo en MŜU. Kiu scias? – eble legis ĝin ankaŭ la estonta ŝaka mondĉampiono Anatolij Karpov, tiutempe unuakursano de la mekanik-matematika fakultato, kaj eble ankaŭ pro ĝi formiĝis lia subtenema opinio pri Esperanto, pri kiu ni poste legis en “Hungara Vivo” (1979, № 4).

Dum mi okupiĝis pri la murgazeto, aliaj E-societanoj ankaŭ havis kion fari (krom helpi min). Ekzemple Leo, rivelante sian kapablon interkonsenti kun administruloj (eĉ se etaj), elpetis permeson de komunloĝeja adminis-

trantino pri ripozhalo uzebla por kunvenoj. Tie estis vaka libroŝranko, kaj ni decidis aranĝi bibliotekon. Samodaj venigis tiucele plurajn SSOD-eldonaĵojn, eĉ kelkekzemplere. Pri ordigo de la biblioteka enhavo kaj pri klubkotizo, rajtiganta uzi la bibliotekon, zorgis Jefim.



*MŜU, 1968. Apud la murgazeto: mi kun aktiva E-societano Nikolao Dementjev*

En la landmovada skalo la plej rimarkinda diskuttemo de la jaro kredeble estis la libro de Ermar Svadost "Как возникнет всеобщий язык [Kiel estiĝos la universala lingvo]?", aperinta en la prestiĝa eldonejo "Nauka" kiel eldonaĵo de la akademia Insituto pri Filozofio. La aŭtoro levis gravan interlingvistikan problemaron, sed lia polemika lanco estis direktita ial kontraŭ Esperanto – kaj eble ĝuste tiu kontraŭdiro kaŭzis pliigitan atenton al la verko flanke de esperantistaro, eĉ ne nur sovetia. Nia E-societo organizis pri la libro disputon, por kiu oni donis unu el plej grandaj aŭditorioj. Venis kaj esperantistoj (ne nur el MŜU), kaj aliaj interesiĝantoj. La disputo evidentiĝis longa kaj pasia. Komence la ĉefajn tezojn de la libro prezentis Svadost mem, lin sekvis la antaŭe anoncitaj oponantoj: David Armand kaj Nikolaj Danovskij, kiuj – la unua ĝentil-riproĉe, la dua sarkasme – kritikis la aŭtoron. Poste povis diri siajn opiniojn ĉiuj dezirantoj: kiom mi memoras, inter tiuj estis Vladimir Samodaj, Vera Zlotnikova, Aleksandro Ĥarjkovskij, renoma filologo Volf Moskoviĉ, Boris Tokarev; kelkajn vortojn diris ankaŭ mi. Impresan parolon faris aspiranto de la filologia fakultato Sergej N. Kuznecov, tio estis (almenaŭ miaĉeeste) lia unua elpaŝo antaŭ esperantistoj. Praktike ĉiuj defendis Esperanton kontraŭ kulpigoj de Svadost, kaj espereble la neesperantistaj ĉeestintoj rezulte estis agorditaj pri Esperanto pozitive.

Somere mi trafis ankoraŭ unu disputon kun ĉeesto de Svadost, ĝin mi mencios sube. Kaj aŭtune okazis pri la libro ankaŭ diskuto en MIEK, sed tio estis aranĝo tute "ĉambra" – sen eksteruloj kaj sen la aŭtoro.

Finprintempe en MŜU okazis renkontiĝo de la universitata komsomola aktivularo kun la unua sekretario de Centra Komitato de Komsomolo Sergej Pavlov, mi estis inter la invititoj. La ĉefa komsomolestro longe parolis

pri aktualaj problemoj, pri ideologia edukado de la junularo ktp. Oni proponis fari demandojn – sed nur en skriba formo, ĉar la halo estis granda sed ne mikrofonizita. Pluraj aŭskultintoj transsendis demandojn, mi ankaŭis. Mia skribaĵo, tute ekspromta, ĉefteze jenis: somere en Sofio okazos la 9-a Tutmonda Festivalo de Junularo kaj Studentoj; Vi evidente estas la gvidonto de la sovetia festivala delegitaro; enprograme de tiaj festivaloj kutime okazas renkontiĝoj de esperantistoj; en MŜU aktive agadas E-societo; do ĉu eblus konsideri tion ĉe konsistigo de la delegitaro? La skribaĵo fornavigis tra la halo, dum la grava gasto respondadis pli fruajn demandojn. Tio daŭris sufiĉe longe, mi jam laciĝinte atendis la finon kaj eĉ forgesis pri mia demando, tamen jen! “Kaj la lasta demando – de kamarado Aroloviĉ. Li informas pri okazonta renkontiĝo de esperantistoj dum la Festivalo kaj interesiĝas: ĉu eblas sendi al la Festivalo iun el esperantistoj de MŜU (kredeble, lin mem)? Do: mi ne estas informita pri renkontiĝo de tiuj esperantistoj, sed – ni pripensos”. Ĉio finiĝis, mi moviĝis al la elirvestiblo intencante tie demandi al Pavlov buŝe: kiel ni eksciu pri la rezulto? Sed ĉe la eliro lin ĉirkaŭis kelktavole densa amaseto, kaj mi komprenis, ke ŝancoj mankas. Do mi rezonis tiel: se la “pripensado” rezultos pozitive, oni mem nin trovos – kaj foriris. Neniu nin poste serĉis, tamen post du aŭ tri semajnoj venis informo pri la eksigo de Pavlov, kaj la demando forfalis. Malgraŭ tio, la Festivalon kaj la E-renkontiĝon enkadre de ĝi partoprenis Vladimir Samodaj, kiu trafis la delegitaron alivoje (pri tio li rakontis en la libro “Ne nur legendoj, ne nur pri SEJM”).

Venis la somero – la tempo por partopreni E-tendaron. Aperis informo pri SEJT-10, sed ĝiaj kondiĉoj por mi konvenis nek tempe, nek distance, nek mone. Poste tra la tuta resto de SEJM-historio mi ĉiusomere partoprenis en SEJT (dum lastaj jaroj – OkSEJT/OrSEJT), sed en 1968 ĝi pasis bedaŭrinde sen mi. Sed estis alternativo: mi aliĝis kaj venis al la 10-a Baltlanda Esperanto-tendaro (BET-10), kiu okazis en Ruba (Latvio). Kontraste al SEJT, ĝi atendeblis kiel “pliaĝula”, sed fakte ĝi estis ĉiuaĝa: ekz. kievanino Margarita Lineckaja (la konata Mikaelo Lineckij estas ŝia frato) venis kun la 6-jara filo, iu maljuna estonino – kun eta nepino. Estis konsiderinda kvanto da gejunuloj, kiuj same kiel mi ne povis veni al SEJT. Post la antaŭjara bruo pri intergeneracia konflikto oni povis atendi iujn provokajn parolojn flanke de la maljunuloj. Sed nenio simila estis: ili evidentiĝis homoj plejparte saĝaj, interesaj kiel kunparolantoj, bondeziremaj kaj kunlaboremaj, do klariĝis, ke la “problemo de patroj kaj filoj” estis certagrade pufigita. Por la gejunuloj estis aranĝita, certe interkonsente kun la tendarorganizantoj, junulara seminario, kiun laŭ speciala komisio de Anatolo Gonĉarov gvidis SEJM-estrarano Miĥail Ŝevĉenko (Minsk), mi estis lia

helpanto. Riganino Biruta Kondrate (poste Rozenfelde) kaj moskvano Boris Tokarev venis en la tendaron post la ĵusa SEJT-10 kaj rakontis al ni pri tiu evento kaj akceptitaj tie decidoj. En BET mi konatiĝis kun Eduards Jaunvalks kaj Mirdza Burgmeisters – la ĉeforganizantoj de la tendaro, ankaŭ kun Adomas Vaitilavičius, Jaan Ojalo kaj aliaj baltiaj veteranoj, krome kun eksterbaltianoj: Semjon Podkaminer kaj Barbara Cvetkova (Leningrado), Andreo Rogov (Ĥmelnickij), Zoja Skvorcova (Kujbiŝev), Viktor Gruŝko (Rostov-na-Donu) k.a. En la tendaro aperadis murgazeto, kies redaktoro Nikolaj Danovskij, aprezinte mian universitatan sperton, invitis min esti redakciano; mi kontribuis i.a. per komento pri gramatika demando.

Post BET-10 kelkaj tendaranoj, inkluzive min, vizitis Rigan E-klubon. Ĉu hazarde ĉu ne, tie aperis ankaŭ la jam konata Ermar Svadost, kaj ekspromte estiĝis ankoraŭ unu disputo pri lia libro. Ĉi-foje la ĉefa oponanto estis Semjon Podkaminer, kiu parolis ne malpli konvinke kaj temperamente ol liaj moskvaj kolegoj dum la disputo en MŜU. Mi provoke demandis la aŭtoron, kiel impresis lin tiu disputo; li respondis, kapitulace levetante la manojn: "Ho, tio estis por mi frakaso".

Komence de la nova studjaro la E-societanoj frontis almenaŭ du malagrablaĵojn. Unue, la ŝranko kun nia biblioteko senspure malaperis el la ripozhalo, post kiam somere oni loĝigis tie abiturientojn. La administrantino, kun kiu Leo estis interkonsentinta, intertempe maldungiĝis, la nova nenion sciis. Ne nur por la bibliotekisto Jefim, sed por ni ĉiuj estis tre domaĝe, ĉar inter la perditaj libroj estis ekz. kelkaj ekzempleroj de la poemo de Majakovskij "Bone!", tradukita de Konstantin Gusev; poste mi neniam vidis ĝin libere cirkulata.

La dua perdo estis pli sentebla: pro longa eksterlanda oficvojaĝo nin forlasis Vladimir Samodaj. Leviĝis la demando pri nova gvidanto de la E-societo. Neniu aspiris la postenon, ankaŭ ne mi: mi jam havis mian "niĉon" – la murgazeton, kaj tio pli ol sufiĉis – por ne paroli pri tio, ke mi eniris la lastan studjaron: kaze de mia prezidantiĝo la demando povus ripetiĝi jam post jaro. Pensante pri aktivaj E-societanoj, mi venis al konkludo ke la plej konvena kandidato estas Leo Medvedev. Tion mi rekte diris al li, post iom da persvado li konsentis. Kiam mi proponis la samon al la kunveno, ĉiuj aprobis.

Unu el komencaj paŝoj de Leo ne estis sukcesa. Tiujare en "Romangazeta" aperis la novelo de Vladimir Ĉiviliĥin "Над уровнем моря [Super la marnivelo]", en kiu inter duagradaj personoj figuris esperantistoj kaj estis eĉ kelkaj frazoj en la lingvo. Sed la esperantistaro reagis indignege, ĉar tiuj elpensitaj "samideanoj" estis kalumnie montritaj kiel fiuloj: ŝajnigante sin

eksterlandanoj, ili rifuzis helpi pri transportado de malsanulo. Do Leo, memorante la sukceson de la disputo kun Svadost, decidis aranĝi ion similan kaj sendis al Ĉiviliĥin leteron kun invito veni kaj aŭskulti opiniojn de esperantistoj. Sed tiu respondis rifuze, trovinte la tonon de la letero nesufiĉe ĝentila.

Tamen ni ankaŭ sen tio havis per kiu variigi la abundan gastprogramon. En Sovetion por tri monatoj venis 86-jara franca esperantisto Victor Lebrun, kiu en junula aĝo estis sekretario de Lev Tolstoj fine de ties vivo. Li havis varian programon: vizito al Jasnaja Poljana, renkontiĝoj kun verkistoj kaj historiistoj, intervjuoj por televido kaj radio ktp, kaj ankaŭ esperantistoj certe ne preterlasis la eblecon renkontiĝi kun tiu unike interesa homo. Li estis varme akceptita en MIEK, kaj poste ni aranĝis lian elpaŝon antaŭ studentoj kaj instruistoj de MŜU. S-ro Lebrun detale kaj interese rakontis pri Tolstoj kaj ĝenerale pri eventoj komence de la 20-a jarcento, respondis multajn demandojn. Post la vespero la nelacigebla gasto promenis kun kelkaj moskvaj esperantistoj en ĉirkaŭaĵoj de la Universitato, kaj tiuj el ni, kiuj ne surhavis E-insignon, aŭdis de li malaproban vorton "sensteluloj".

Min la lasta riproĉo ne koncernis: jam en komencaj monatoj de la E-vivo mi aŭdis de veteranoj konsilon: "Sur la jako kaj mantelo ĉiam estu verda stelo" kaj konstante klopodas sekvi ĝin. Krome, en la unua mia tendaro estis slogano, stampebla sur diversaj paperaĵoj: "Ĉiam, ĉie, ĉiel montru, ke vi estas esperantisto" – iom maksimumisme, sed prave.

Intertempe estis celebrata la 60-jariĝo de Komsomolo, okaze de tio mi preparis versaĵon por publikigo en "Por la paco". La redaktoro Konstantin Gusev ĝin akceptis, kvankam verdire ĝi estis ŝablone-surfaca. Kiam la kajero aperis, mi rimarkis ke li forigis unu mian strofon kaj aldonis propran. Tio min ĉagrenis, des pli ke Gusev min pri la ŝanĝo ne avertis. Li poste klarigis, ke tempo mankis por interkonsenti kun mi telefone (vere, mi estis telefonatingebla nur komutile, poŝtelefonoj kaj similaĵoj tiam ja ne ekzistis) kaj ke tiaj redaktoraj intervenoj en aŭtoran tekston estas ordinara afero. La lastan aserton mi tiam ne tre emis kredi, sed nun, kiam mi mem laboras kiel redaktoro, mi bone komprenas la tiaman pravecon de Konstantin Miĥajloviĉ.


*MŜU, 1968. Dum la renkontiĝo kun Victor Lebrun.*

Tiutempe SEJM-estraranoj decidis vigligi

kaj laŭeble sistemigi la regionajn renkontiĝojn (por tio kreiĝis objektivaj kondiĉoj, post kiam la ŝtato anoncis sabaton ferio kaj aperis pli da eblecoj por interurbaj vojaĝoj). Al ĉiuj tradiciaj regionoj de movada aktiveco estis sendita unueca listo de demandoj, pridiskutendaj dum tiaj renkontiĝoj, por poste analizi la opiniojn kaj fari konkludojn; krome estis rekomendo elekti regionajn estrarojn de SEJM. Do moskvaj esperantistaj gejunuloj, universitataj kaj aliaj, kunvenis kaj decidis aranĝi tian renkontiĝon en Moskvo. Leo Medvedev, kiu tiam loĝis en Nemĉinovka apud Moskvo (tuj trans la Moskva ringa vojo), disponigis sian duĉambran loĝejon por bezonoj de la renkontiĝo (amasnoktejo kaj kunvenejo).

La renkontiĝo okazis dum la novembraj festotagoj. Partoprenis: po 10-12 personoj el Moskvo kaj Ivanovo; Mikaelo Bronŝtejn, ĵus studentiĝinta en Tula; aliregiona gasto estis Vladislav Romanov el Barnaul. Okazis laborkunsidoj, festa bankedo, kantado, ludoj, ekskurso en la urbon. Aktive montris sin la grupo el Ivanovo: kun Leo Kazancev kaj Vjaĉeslav N. Ivanov mi jam renkontiĝis pli frue en MIEK, kaj ĉi-foje mi konatiĝis kun Tatjana Loskutova, Ludmila Jegorova (poste Medvedeva), Galina Lenskaja k.a. Tamen la regionan SEJM-estraron eniris nur moskvanoj: mi – prezidanto, Galina Staneŝnikova – sekretario, Miĥail Kirillov – kasisto, kaj al ivanovanoj ni komisiis prepari la sekvan renkontiĝon – en majo 1969.

Tiuj du renkontiĝoj, la okazinta kaj la onta, komencis la longan serion de Centro-Rusiaj (regionaj) E-renkontiĝoj – mallonge CRRER aŭ poste CRER – kiuj preskaŭ seninterrompe kun duonjara intervalo okazadis dum pli ol 20 jaroj. Vere, iuj E-renkontiĝoj (apud Kolomna) sporade okazadis pli frue, sed nur ekde la apudmoskva en 1968, konceptita kiel SEJM-aranĝo samtempa kun similaj en aliaj regionoj, ni komencis la renkontiĝojn numeradi. Tra la tuta historio de CRER-oj ilin organizis plej ofte la kluboj de Moskvo kaj Ivanovo, fojfoje ankaŭ de Tula aŭ Kolomna, epizode ili okazis ankaŭ aliloke. Kelkfoje en CRER-oj partoprenis eksterlandaj esperantistoj, kiuj studis aŭ staĝis en sovetiaj altlernejoj.



*Nemĉinovka, 1970. La 5-a CRER: apud mi ĉe la tablo sidas Vjaĉeslav N. Ivanov, dekstre – nia aktivulo, studento el Hungario Laszlo Szöke.*

Leo Medvedev, konsiderante preskaŭ senescepte junularan konsiston de la E-societo, decidis starigi utilajn kontaktojn kun la

gvidantoj de la komsomola komitato de MŜU, precipe kun la vicsekretarioj pri ideologio kaj pri internacia agado (ankoraŭ unu vicsekretario, pri organizaj aferoj, tiam estis la famiĝonta poste Ruslan Ĥasbulatov, sed kun li Leo ne kontaktis). Li preparis agadplanon, sufiĉe ambician, kies plej kuraĝaj eroj poste nur ekis, sed ne realiĝis; sed tiam li, montrinte ĝin al la vicsekretarioj, ricevis aprobon.



*Apud Tula, 1975. La 13-a CRER: mi kun studento el Vjetnamio Hoang Ngoc Boi.*

Baldaŭ jam ankaŭ la nova ĉefa komsomolestro Jevgenij Tjaĵelnikov vizitis MŜU por renkontiĝi kun la komsomola aktivularo. Diference de sia antaŭulo Pavlov, li preferis ne prelegi sed ĉefe aŭskulti studentojn pri ties problemoj, deziroj, aspiroj. Do Leo estis tien invitita kaj surbaze de la aprobita agadplano faris ideologie ekvilibran elpaŝon pri la iniciatoj de nia societo kaj ĝenerale pri potencialo de Esperanto. Mi skribis pri tio, inter aliaj aferoj, al SEJM-prezidanto Anatolo Gonĉarov; tiu respondis: “La parolon de Leo en ĉeesto de Tjaĵelnikov ni taksas kiel sukcesan kaj necesan”. Poste Leo rakontis al mi, ke lian elpaŝon laŭdis la universitata partiestro, dirante “tiajn homojn ni bezonas”.

Sekvajare mi estis jam diplomiĝonta, post kio mia estonteco aspektis dume nebula. Pli aĝaj moskvaj esperantistoj aludis, ke por komunaj interesoj estus bone, se mi povus pluresti en Moskvo kiel aspiranto. Mi mem opiniis same kaj reduktis la E-aktivadon preskaŭ nure ĝis la murgazeto por pli atenti la studfinajn aferojn. Rezulte mi sukcese defendis la diplomverkon, plenumis la ŝtatekzamenojn kaj estis rekomendita por aspirantiĝi en la akademia Instituto pri Aplika Matematiko. Sed la enirekzamenoj por tio estis okazontaj nur aŭtune, kaj somere mi havis tempon por merite ĝui partoprenon en eĉ du gravaj E-aranĝoj. Tio certe estis ligita kun kromaj elspezoj, sed la necesan monon mi perlaboris deĵorante en la akcepta komisiono por la nova studjaro – laboro postulanta respondecon kaj atentemon.

La unua inter la aluditaj du aranĝoj estis tuj post la 54-a UK: la Kongreso mem pasis en Helsinki, kaj la Postkongreso, evento unika por la tiama sovetia E-movado, – en Leningrado. Venis kelkaj centoj da kongresanoj, kaj leningradaj samideanoj faris por ili indan programon inkluzivantan diversajn ekskursojn kaj grandan internacian amikec-vesperon. Sovetianoj, venintaj por la Postkongreso, plejparte ne aliĝis al ĝi oficiale, kiel al aranĝo de UEA, kaj solvis siajn restadproblemojn memstare. Inter sovetiaj

partoprenintoj aparte menciindas tre maljuna kaj tre malnova esperantisto Apollon Skalskij el Novosibirsk, kiu en juna aĝo korespondis kun Zamenhof.

La eksterlandaj gastoj loĝis en moderna hotelo en centra parto de la urbo, ĉiuj ekskursaj busoj startis de ĝi. Tio por mi estis oportuna bonŝanco, ĉar mi loĝis ĉe parencoj piedir-proksime de tiu hotelo. En la busoj kutime estis vakaj lokoj, kaj sovetianoj povis ilin okupi. Tiel mi ekskursis kun eksterlandanoj almenaŭ laŭ du ekskursaj itineroj: al Petrodvorec kaj al Lenin-memorialo en Razliv. Krome okazis ekspromtaj liberaj promenadoj en la urbo: mi memoras, kiel grupeto da sovetianoj inkluzive min navigis per rivertramo laŭ Nevo kun la geedzoj Ursula kaj Giuseppe Grattapaglia el Italio. Tiu riverpromeno tre plaĉis al ili: Ursula tuj rememoris ĝin, kiam post multaj jaroj mi salutis la geedzojn en Universala Kongreso (tiam ili reprezentis jam la brazilan komunumon Bona Espero).

La amikec-vespero pasis en la impona Domo de amikeco kaj paco ĉe la rivero Fontanka. La fojero(j) plenis de esperantistoj, en ĉiuj anguloj oni babilis en grupetoj, sonis konataj kaj nekonataj E-kantoj. Dum la solenaĵo, kiu pasis en la ĉefhalo, estis multaj paroloj de diverslandaj gastoj pri Esperanto kaj amikeco, el kiuj mi memoras nur la plej neordinaran – de usona esperantisto, kies nomo bedaŭrinde ne konserviĝis en la memoro. Li estis en ne tre komforta situacio, ĉar Usonon oni severe kondamnis pro la plurjara milito en Vjetnamio sed samtempe sincere admiris pro la surluniĝo, okazinta nur du semajnojn pli frue. Do tiu usonano diris proksimume jenon: “Sciu, ke ankaŭ en Usono ekzistas kulturaj homoj, kiuj la militon ne subtenas. Kaj pri la surluniĝo mi opinias, ke ĝi estas epokfara evento ne por la nacia fiero de Usono, sed por la tuta homaro. Tial estus pli juste, se sur la luna surfaco estus fiksita ne la usona flago, sed ekzemple tiu de Unuiĝintaj Nacioj!”. Oni laŭte aplaŭdis.

La leningradan postkongreson sekvis la alia partoprenenda aranĝo: SEJT-11 en Karpata montaro, kaj samtempe kun E-programeroj mi devis prizorgi bileton ĝis Lvovo. Trovinte la necesan kasejon, mi vidis tie longegan vicon, en kiu mi estus pasigonta kelkajn horojn, sed feliĉe mi rimarkis grupeton da nekonataj junuloj kun E-insignoj, starantaj multe pli proksime al la giĉeto. Mi alpaŝis, konatiĝis kun ili – evidentiĝis, ke la junuloj estas el Klaipeda (Litovio), gvidas ilin Algis Vizgirdas kaj ili celas la saman direkton. Do mi aliĝis al ilia kompanio, kaj poste ni veturis ĝis Lvovo kune.

La tendaro havis programon ne tre riĉan, sed streĉan. La seminario de junaj aktivuloj laboris dum preskaŭ la tuta tendara daŭro – 8 tagojn, detale pridiskutante diversaj aspektojn de la SEJM-agado. Estis elektita la nova

estraro de SEJM. Anatolo Gonĉarov decidis retiriĝi portempe; aperis novaj estraranoj: Mikaelo Bronŝtejn kaj Algis Vizgirdas; mi estis proponita kiel kandidato por la estraro. Poste la elektita estraro kunvenis, kaj Anatolo anoncis al ĉiuj, ke la nova prezidanto de SEJM estas Vitas Ŝilas.

Grava iniciato koncernis internan informadon: anstataŭ ĝistiama "Juna Esperantisto" (frustadie – plurmane retajpata sur cigareda papero, poste – gastanta sur la paĝoj de pliaĝula multobligata bulteno "Unuiĝo") oni proponis centralizitan eldonon: ĉiu klubo preparas sian materialon, mem multobligas ĝin 50-ekzemplere (laŭ kvanto de SEJM-kluboj plus rezervo) kaj sendas ĝis certa dato al centro, kie oni redistribuas la tuton, tiel ke ĉiu klubo ricevu la saman kompleton. Tiel oni povis interŝanĝi ne nur tekstojn, sed ankaŭ muziknotojn, bildojn aŭ kion ajn enkovertigeblan. Tiel naskiĝis la almanako "Akordo", kies redaktoro (fakte kompilanto) dum tri jaroj estis Nina Korĵenevskaja (poste Korĵenevskaja-Gouriou) el Ufa. Inter unuaj publikaĵoj en "Akordo" estis la preparita de Ŝilas SEJM-regularo.

La eksterseminarian parton de la tendaro konsistigis ĉefe prelegoj – plejparte de Tokarev kaj Ĥarjkovskij. Krome okazis KGS (se mi ne eraras, unuafoje; konkursis teamoj de Okcidento kaj Oriento) kaj kompreneble koncertoj. La kulta kanto de Dina Lukjanec "Ne, ne, ne" premieris ĝuste en tiu tendaro.

La tendaron vizitis unike interesa homo – lvova veteranino Isidora Voloŝĉak. Ŝi en juna aĝo partoprenis en la 8-a UK, kiu okazis en Krakovo en 1912. Laŭ ŝi, Lenin, loĝinta tiam en Krakovo, elpaŝis (franclingve) antaŭ socialistoj-esperantistoj en la kongresejo kaj diris, ke Esperanto devas iĝi latino de la proletaro. Similaj asertoj, se ilin konfirmus pruvoj, por tiamaj sovetianoj povus esti gravaj; sed ŝiaj rememoroj ne nur malhavis dokumentajn konfirmojn, sed eĉ ne estis notarie registritaj.

Post la tendaro mi kaj ankoraŭ kelkaj esperantistoj restis en Lvovo por kurta ekskurso, kiun gvidis la ĉefa organizantino de la tendaro Marija Vaŝĉiŝina. Inter aliaj objektoj ni vizitis imponan urban tombejon, kaj mi interesiĝis, ĉu en ĝi kuŝas fama lvova E-aganto Anatolo Koĥ. Evidentiĝis ke jes; ni trovis la tombon, metis tien modestan florkronon, al kiu mi fiksis etan E-insignon.

Finiĝis la somero, mi okupiĝis pri eniraj ekzamenoj por aspirantiĝi. Plenuminte ilin sukcese, mi iĝis aspiranto en la Instituto pri Aplika Matematiko, per tio certiginte plurestadon en Moskvo por proksimaj tri jaroj. En MŜU mi aperadis nur kiel gasto, tamen mi surprenis tie gvidon de E-rondeto. Ve, ĝi havis ordinaran sorton: komence estis ĉ. deko da lernantoj, sed post iom da lecionoj restis nur tri. Mi pardonpetis kaj ĉesigis la instruadon, sed Inna Karlina – la plej entuziasma el la restintoj – interesiĝis, kiel

daŭrigi. Tiam grupo de moskvaj gejunuloj (sen mi) prepariĝis partopreni en iu baltia E-renkontiĝo. Do mi donis al Inna necesajn koordinatojn, ŝi kontaktis la grupon kaj reale partoprenis kun ĝi en la renkontiĝo – sed poste mi ŝin en E-medio ne plu vidis. Post la malsukcesa provo mi decidis neniam plu instrui kaj ne instruas ĝis nun.

En 1970 en nia Centro-Rusia regiono aperis eksperimenta E-informilo "TIEL!", iniciatita de Vjaĉeslav N. Ivanov – profesia fotisto kaj tiumomente vicprezidanto de la regiona estraro. Li simple fotomultobligis kaj primitive kunfiksis fotopaperajn foliojn, kvankam la tekstoj kaj bildoj sur ili estis per si mem ne malbonaj. La iniciato sufiĉis nur por du numeroj – la prova kaj la unua.

La jaro estis en USSR aparte grava, ĉar oni diversmaniere omaĝis la 100-jaran jubileon de Lenin. La E-komisiono ĉe SSOD preparis sovetian numeron de la revuo "Paco", dediĉitan al la jubileo, kaj kiel aldonon – broŝureton kun oficialaj tezoj de CK KPSU okaze de la jubileo. Oni proponis al mi traduki parton el tiuj tezoj, kaj mi diligente faris tiun laboron. Poste Konstantin Gusev laŭdis la kvaliton de mia traduko, forte skuante mian manon. Kaj antaŭ tio Anatolij Makovskij instruis min legi presprovaĵojn kaj montris signojn, uzatajn por korektado de tekstoj – tiujn bazajn sciojn mi aplikas ĝis nun en la profesia laboro.




Enkadre de miaj aspirantaj studoj mi vizitadis seminarion por prepariĝi al plenumo de la kandidata ekzameno pri filozofio. Kadre de la seminaria programo ĉiu ekzamenoto devis prepari skriban verketon pri iu temo. Ni ricevis liston de proksimumaj temoj por tio, sed min neniu el tiuj interesis. Kaj mi demandis la instruistinon el la Instituto pri Filozofio, ĉu eblas preni temon ne el la listo. Ŝi diris, ke jes, mi nur montru la temon al ŝi, kaj ni konversaciu. Mi vortumis la temon: "Progreso de la homaro kaj la problemo de internacia lingvo". Tio ne estis tute fremda al la instruistino; ŝi rekomendis, ke mi nepre uzu la libron de Svadost (kompreneble: ja la libron antaŭ la eldono oni certe pridiskutis en la Instituto) kaj ke krome dezirindas legi studojn de Kammari, Ĥanazarov, Deŝerijev k.a., kiuj esploris proksimajn problemojn. Nu, la Svadost-libron, jam tralegitan, mi refoliumis, sed la ceterajn rekomendaĵojn ignoris, rezonante ke mi ja celas ne elĉerpecon, sed nur akcepton ("зачёт"). Post certa tempo mi donis la pretan verketon al

la instruistino, ŝi legis mem kaj donis por legi al ankoraŭ unu aŭ du kolegoj; rezulte oni la verkon akceptis, sed kun kritika rimarko, ke mi tro unuflanke laŭdas E-on, sed ja ekzistas aliaj opinioj, ekz. Svadost. Mi respondis, ke mi elektis la temon ĝuste por esprimi vidpunkton oponan al Svadost; pliaj demandoj al mi ne estis. La kelkajn ekzemplerojn de la verketo mi disdonis (ekz. Aivars Kalninŝ el Rigo tre interesiĝis), neniu el ili al mi revenis; tamen poste en iu tendaro mi kun miro rimarkis en ies manoj komplete retajpitan ekzempleron de tiu verketo.

En 1970 SEJT-12 estis organizita iom nekutime: la prezidanteco de Ŝilas signis rimarkeblajn novigojn. La ĉefa el ili estis, ke komence kelkajn tagojn funkciis la aktivula seminario, kaj nur poste venis ceteraj tendaranoj kaj komenciĝis la baza programo. La tendaro, zorge preparita de Boris Kolker kaj aliaj ufanoj, pasis en Baŝkirio, en la distrikta centro Kuŝnarenkovo, en la malfermo partoprenis loknivelaj oficialuloj. Mi kontribuis per faka prelego al Somera Universitato kaj estis kapitano de unu el la KGS-teamoj (Okcidento).

Unu el memorindaj epizodoj de la tendaro estis muzika teatraĵeto “Bremenaj muzikistoj” laŭ la populara animacia filmo. Ĝin prezentis barnaula grupo (kiu ĝenerale montris sin brave, kvankam ĉi-foje la tendaron ne venis ilia ĉefo Anatolo Gonĉarov), al kiu portempe aliĝis Boris Anoĥin el Ustj-Kamenogorsk. Grupajn rolojn prezentis kelkaj junuloj: la samaj homoj estis jen animaloj-muzikistoj, jen rabistoj, jen reĝaj gardistoj. Trobadoro estis Viktoro Jakovlev, la rolon de Reĝo ludis Jurij Vladimircev, tiun de Princino – Dina Lukjanec, kiu ankaŭ tradukis ĉiujn kantojn. Tiam unuafoje ni aŭdis “Kanton de l’ amikoj”, kiu tuj populariĝis kaj poste eniris la kolekton “Oraj kantoj”. La ceteraj kantoj estis malpli sukcesaj kaj forgesiĝis – eble ne ĉiam juste. Ekzemple, al mi plaĉis “Kanto de gardistoj”: “Ni estas plej honora avangard’, / Ne povas vivi reĝo sen la gard’. / La moŝton de diversaj gardas ni / Renkontoj, kiujn ne bezonas li” (ktp, mi ne memoras plene).

Se diri aparte pri la SEJM-seminario, do plia novigo iniciatita de Ŝilas estis ne plu tutlista, sed laŭpostena elekto de la Komitato (tiel laŭ la nova regularo eknomiĝis la estraro): li insistis ke la voĉdono estu nepre alternativa kaj ke – aparte interese – dum la pridiskuto la kandidatoj devu flankeniri por ne ĝeni liberan opiniesprimadon pri ili. Per tia voĉdono oni elektis min vicprezidanto de SEJM pri kontaktoj kun oficialaj instancoj.

La kontaktataj instancoj estis ĉefe du: la E-Komisiono ĉe SSOD kaj Komitato de Junularaj Organizaĵoj de USSR: Samodaj ankoraŭ antaŭ sia forveturo konatigis min kun sia amiko Tomas Grigorjev, kiu laboris tie. Do venis konvena momento por renovigi la kontaktojn. Vere, krom ĝenerala esprimo de favoro, konkretan helpon ni ricevis malofte.

Sekvajare la E-komisiono ĉe SSOD eldonis plian sovetian numeron de “Paco”. Ĝi (n-ro 4 por 1971) estis pli dika ol antaŭe; mi estis ano de la redakta komitato, kontribuante al la komuna laboro per tradukado de pluraj tekstoj. Kiel suplementon oni decidis prepari Direktivojn de la 24-a Kongreso de KPSU por la ekinta jarkvino. Por traduki ĝin (ĉ. 60 paĝoj) necesis multe da laboro, kaj SEJM kuraĝis montri praktike sian solidaran forton. Estis alvoko kunpartopreni en la tradukado, ĝin reeĥis ĉ. 10 plej fortaj kluboj kaj ĉ. 15 plej spertaj lingve aktivuloj. Ni distribuis la tekston, kaj ĉiu diligente faris sian parton. Poste Boris Tokarev kaj mi kunigis, redaktis kaj korektis la tuton, zorgante pri laŭebla unuecigo de uzitaj terminoj.

En la teksto abundis diversaj toponimoj, nomoj de industriaj objektoj ks. Ial unu el ili – apud aliaj, tuj forgesitaj – eniĝis en mian memoron: “ekfunkciigi kapacitaĵojn de […] Ĉernobylska atoma elektrostacio”[1]. Tiam mi havis neniajn malbonaŭgurajn asociojn – sed ĉiuj scias, kio okazis al tiuj kapacitaĵoj post 15 jaroj…


ПОСТАНОВЛЕНИЕ
ПРЕЗИДИУМА
Союза советских обществ дружбы и культурной связи
с зарубежными странами
№ I9
«I4» апреля 19 7I г.

Об объявлении благодарности тов. АРОЛОВИЧУ В.С.

За активное участие в работе по изданию советских номеров журнала "Пацо" /"Мир"/ – органа Международной организации эсперантистов в защиту мира товарищу АРОЛОВИЧУ Виктору Семеновичу, активисту Комиссии по координации международных связей советских эсперантистов ССОД, объявить благодарность.

Председатель Президиума Союза
советских обществ дружбы и культурной
связи с зарубежными странами–Н.ПОПОВА

*Oficiala danko de SSOD-estraro al mi pro la laboro pri “Paco”*

Somere de 1971 la centraj SEJM-eventoj estis sinsekvaj SEJM-seminario kaj SEJT-13. Kompare kun la pasinta jaro ili estis disaj ne nur tempe, sed eĉ teritorie: la seminarion gastigis la insulo Ĥortica (interne de la urbo Zaporoĵje), la tendaron – Kievo.

La seminario (teknike organizita ĉefe de Danielo Kolker) daŭris pli ol semajnon kaj traktis treege detale ĉiujn flankojn de SEJM-vivo. Ni aŭskultis kaj pridiskutis raportojn de komitatanoj, fakestroj, SEJM-kluboj, regionoj, laborante kaj matene kaj posttagmeze; nur vespere okazis liberformaj priparoloj, komuna kantado (laŭ la ĵus aperinta kantaro “Ni kantu en Esperanto”, preparita de Algis Vizgirdas kun helpantoj) ktp. Laŭ propono deVitas Ŝilas estis akceptitaj amendoj en la SEJM-Regularo, ekde tiam la seminario mem eknomiĝis Konferenco de SEJM-Konsilantaro (kurte SEJM-Konferenco). Tute neatendite por mi, kiam okazis elektado de la

[1] Direktivoj de la XXIV-a Kongreso de KPSU por la jarkvina plano de disvolvo de la popola mastrumado de USSR dum la jaroj 1971–1975. – Moskvo, 1971. – P. 44. (Certe, la korekta nomformo devus esti “Ĉernobila”.)

Prezidanto, inter la kandidatoj estis proponita mi. La rivaloj estis V.Ŝilas, A.Gonĉarov kaj B.Kolker; estis klare, ke mi ne havas realajn ŝancojn – kaj bone, ĉar mi tute ne sentis min preta. Je ĉies kontento, venkis Boris Kolker. Al ni eĉ ne sufiĉis la tagoj, planitaj por la seminario-Konferenco, kaj la laboro daŭris kaj atingis la finon jam en salono de la vaporŝipo "Ĉerniŝevskij", kiun praktike ĉiuj konferencanoj uzis por atingi Kievon kaj kuniĝi kun ceteraj tendaranoj.

SEJT-13 estis unu el plej amasaj en la historio de SEJT-oj (ĉ. 300 partoprenantoj). Ĝin organizis kievaj esperantistoj (ĉefe studento el Bulgario Kiril Velkov) kun oficiala subteno de komsomola komitato de Kieva Politeknika Instituto. La tendaro iĝis internacia, ĉar venis oficiale invititaj grupoj el Bulgario, Pollando kaj Hungario; krome, estis "internaj eksterlandanoj" – vjetnamaj studentoj el Novosibirsk. Estis eldonita "Tendara libro" kun detala laŭtaga programo, krome scienca seminario enkadre de la tendaro aparte pretigis broŝureton. Al tiu seminario mi kontribuis per resumo de artikolo enkadre de la disertacia esploro.

Por la koncerta programo mi denove tradukis peceton, ĉi-foje kurtan, el "Dek du seĝoj" – kaj faris el ĝi rolludeblan sceneton "Ĉe la fonto", kiun prezentis moskvanoj: Ostap Bender – Laszlo Szöke, Vorobjaninov – Vladimir Samodaj, Meĉnikov – Grigorij Vengerov.

Rememoriĝis jena amuza epizodo. Okazis KGS – kiel ĉiam, inter Okcidento kaj Oriento. Inter la konkursoj estis ridstafeto, unu el kies etapoj antaŭvidis trasaltadon de certa distanceto sur unu piedo. Iumomente sur paralelaj vojetoj samtempe aperis du saltantoj: Dmitrij Cibulevskij (Okcidento) kaj Dina Lukjanec (Oriento). Do duono de la simpatiantoj kriis subtene "DI-MA!", dum la alia duono ne malpli laŭte kriis "DI-NA!" – kaj distingi, kiu duono superkriis kaj kie estis kies subtenantoj, tute ne eblis.

Post SEJT grupo de partoprenintoj veturis por kelkaj tagoj al BET-13, kiu okazis en Smiltene (Latvio). Ni rakontis tie pri la ĵusaj Konferenco kaj SEJT-13. Menciindas la vortoj de August Kilk el Estonio: "Mi konvinkiĝis, ke SEJM estas avangardo de la movado".

Por la sekva jaro 1972 SEJM ekhavis ambician intencon. Tiujare la 26-a Internacia Junulara Kongreso de TEJO estis okazonta en Pollando, do ni supozis ke estas reale organizi grupan partoprenon de SEJM-anoj tie. La gvidantaro de TEJO tion subtenis, des pli ke post Hungario en 1966 sovetianoj en IJK-oj ne aperadis (krom eblaj unuopaj esceptoj), Pola E-Junularo ankaŭ. Mi starigis la demandon antaŭ Makovskij, li diris ke principe tia grupvojaĝo eblas; li bone konis iun el funkciuloj de la junularturisma buroo "Sputnik" kaj promesis ekscii ĉe li necesajn detalojn, kaj al mi li proponis prepari liston de kandidatoj. Do, SEJM-Komitato iniciatis ke la kluboj

prezentu siajn kandidatojn kun enketaĵoj: tiujn bezonis ni mem por vicigi la kandidatojn laŭ ordo de prefero; la vicigon faris SEJM-komitatanoj per speciala voĉdono. Sed post kiam ni finis la anticipan preparadon kaj la vicigita listo kun granda rezervo estis preta, evidentiĝis ke al Makovskij oni en "Sputnik" rifuzis pro iu neklara por mi, sed kredeble grava kialo. Mi provis uzi helpon de Tomas Grigorjev, sed sensukcese. Do ni anoncis al la homoj, ke la kongrespartoprena iniciato fiaskis – tre domaĝe, tamen bone, ke ne lastmomente. Nun mi komprenas, ke tiam mi tro fidis la jam konatajn oficialulojn; se la kontaktojn kun "Sputnik" mi prizorgus mem, eble nia iniciato havus pli da ŝancoj por realiĝi.

Tiujare nin embuskis ankoraŭ unu komplikaĵo, pri kiu mi rakontu sekvanumere.

(*Daŭrigota*)

## ELEKTO DE TRIONO DE LA AKADEMIANOJ

Okazis ĉi-jare la reelekto de triono de la akademianoj laŭ la Statuto de la Akademio de Esperanto.

AdE
AKADEMIO DE ESPERANTO

El la mandat-finintoj ne rekandidatis Ilona Koutny kaj Potturu Ranganayakulu.

Estis elektitaj Marc Bavant, Gerrit Berveling, Kirilo Brosch (3-jara mandato), Duncan Charters, Renato Corsetti, Paul Gubbins, Nikolao Gudskov, Katalin Kovats, Jouko Lindstedt, Haitao Liu, François Lo Jacomo, Youngtae Ma (3-jara mandato), Brian Moon, Barbara Pietrzak, Baldur Ragnarsson, Giridhar Rao, Orlando Raola (6-jara mandato), Tadasi Saka.

Nun la Akademio konsistas el 45 membroj: Marc Bavant, Vilmos Benczik, Gerrit Berveling, Marek Blahuš, Marjorie Boulton, Kirilo Brosch, Duncan Charters, Renato Corsetti, Marcos Cramer, Probal Dasgupta, Michel Duc Goninaz, Edmund Grimley-Evans, Paul Gubbins, Nikolao Gudskov, Boris Kolker, Katalin Kovats, Erich-Dieter Krause, Harri Laine, Jouko Lindstedt, Haitao Liu, François Lo Jacomo, Anna Lowenstein, Ma Young-tae, Carmel Mallia, Stano Marĉek, Aleksander Melnikov, Carlo Minnaja, Paŭlo Moĵajev, Brian Moon, Nguyen Xuan Thu, Barbara Pietrzak, Sergio Pokrovskij, Otto Prytz, Baldur Ragnarsson, Giridhar Rao, Orlando Raola, Alexander Shlafer, Tsvi Sadan, Saka Tadasi, Humphrey Tonkin, Usui Hiroyuki, Amri Wandel, John Wells, Bertilo Wennergren, Yamasaki Seikô.

***La estraro de la Akademio de Esperanto***

## HO, APERO, JEN ESPERO POR MOVADO

Kiam oni petis impresojn pri APERo-10 de la fama franca esperantistino kaj Unesko-aganto Renee Triolle, ŝi listigis la tri faktojn: varieco de la programo, abundo de gejunuloj kaj programkontribuemo de ĉiuj partoprenantoj, eĉ de la plej fruaj novuloj. Renee, kutimiĝinta al internaciaj renkontiĝoj, ne menciis la ĉefan fieron de ĉiuj APERoj, nome – la malkrokodiladon, kiu meritas apartan aprezon ĉe landa Esperanta aranĝo. Ĉi APERon plentempe partoprenis 6 fruaj komencantoj. La signifa plimulto, flue parolanta en Esperanto, ebligas kreon de ideala medio por progresigi ĉies lingvan nivelon. Tial APERojn de la instrumetoda vidpunkto eblas nomi lingvomergiĝo. Kiel tekstas la refreno de la APERo-himno:

Ho, apero, jes, apero
De l' verdaĵ' sur nia tero,
Ho, apero – jen espero por Movado.
Ĝojas ni, ke ja konstante
Ni parolas Esperante,
Ni parolas Esperante
Elegante.

Do... Kio, kiam, kie... APERo-10 – la AntaŭPrintempa Esperanta Renkontiĝo, tradicie organizata de la Moskva Esperanta Asocio MASI, pasis, kiel ĉiam, la 20-23-an de februaro 2016 en la apudmoskva ripozejo "Jerŝovo". Ĝin vizitis 40 personoj, inter kiuj 21 MASI-anoj. Inoj kaj malinoj, gejunuloj ĝis 30-jaraj kaj pliaĝuloj estis posamkvante.

Programo de la jubilea APERo estis enorme riĉa, ni eĉ luprenis 14 horojn en la ripozejaj salonoj. Unuafoje la evento havis ĝeneralan temon ("Sonoj"), kio ofte servis kiel orientilo al la programkontribuantoj. La du plenaj tagoj ankaŭ havis temojn: Lingva Tago kaj Movada Tago. Prelegoj, kvizoj, ludoj, voĉlegadoj estis orientitaj al tiuj temoj: "UNESKO-datoj: tago de la gepatra lingvo" (Kirill Noviĉenko, Sankt-Peterburg, EK "Kariljono"), "Modernaj teknikaĵoj por tradukistoj" (Ilja Muravjov, MEA MASI), "La plej bazaj sonoj en lingvoj de la mondo" (Kuzjma Smirnov, Sankt-Peterburg, MEA MASI), "Kiel be-



stoj parolas" (Mikaelo Povorin, MEK "Lev Tolstoj"), "Sonoj de rusa avangardo" (Julija Samsonova, MEA MASI), "Franca literaturo en Esperanto" (Renee Triolle, Francio), "Divenu melodion" (Jelena Alopina, Peterhof/Kovrov) kaj tiel plu.



La ŝatataj tradiciaj aranĝoj ne mankis: Konkurso de tradukistoj (Tatjana Stepanova, Sankt-Peterburg, MEA MASI), Poezia Horo, Librokruciĝo kaj Voĉlegado (ĉi-foje ni anticipe tradukis kaj prezentis la rakonton de Artjom Kostjukovskij "Floso"), promenado en la bieno Troickoe, koncertoj de Mikaelo Povorin kaj Sergeo Straŝnenko, dancklasoj (Jelena Alopina). Kiel ĉiam, abundis lingvaj kaj intelektaj ludoj: "Famulo" kaj "Serĉanto" (Mikaelo Povorin), "Kio? Kie? Kiam?" (Oleg Ĉajka), "Ĉapelo" ktp.

El veraj specialaĵoj de la programo mi mencios tri. Bonŝance, la APERon partoprenis Renee Triolle, dank' al kio ni havis programerojn pri la homaj rajtoj kaj interesajn kuluarajn parolojn. Dua temo estis prelegoj kaj diskutoj pri la tutmonda kaj rusia junulara movado, kiujn lanĉis la TEJO-sekretariino Arina Osipova (Moskvo/Jekaterinburg), subtenata de Kirill Noviĉenko – A-komitatano de TEJO por Rusio.

La tria specialaĵo estis la benefico de Klara Ilutoviĉ, kies jubileon ni antaŭnelonge celebris. Klara Sergejevna ĉeestis APERon tuttempe, kio ebligis al ni inde gratuli ŝin. Dum la benefico Mikaelo Povorin kantis 10 kantojn je la versaĵoj de Klara kaj 10 homoj deklamis ŝiajn poemojn. Fine ni enmanigis al ŝi la Honorfolion kaj Dankfolion, kiun subskribis multaj dezirantoj, kaj donacis gabelinan kusenon en formo de kato. Dum la poezia Horo Renee Triolle enmanigis al la jubileantino du valorajn librojn, speciale alportitajn el Francio. Klara Sergejevna estas surprizita, kortuŝita kaj dankegema, sed pli gravas, ke ŝi ĉiam estis kun ni kaj aspektis ne



nur kontenta, sed tutsana, vivplena kaj bonhumora. Indas organizi aranĝojn por simple feliĉigi homojn, ĉu ne?

Dum la Solena Fermo 20 el 40 partoprenintoj ricevis Diplomojn pro la programkontribuoj kaj unu – pro la organizado. Temas pri la MASI-ano Aleksandr Basov, la sindona, akurata, ĉionpova kaj senlaca financisto, loĝiganto, teknikisto, mastrumanto ktp. La sinceraj dankvortoj kaj la kortuŝaj adiaŭaj brakumoj plene degeligis ĉiujn dubojn de la organizantoj pri la sorto de pliaj APERoj.

Sed, antaŭ ol plenkore inviti vin al APERo-11, mi ŝatus memorigi pri la celataj partoprengrupoj. MASI-anoj, kiuj, feliĉe, ne mankas, estas mastroj de la aranĝo. La plej dezirataj gastoj estas E-parolemaj komencantoj kaj memlernantoj ĉu el Moskva regiono, ĉu el aliaj urboj. Sed tiuj malmultas, bedaŭrinde! Ni ĝojas pri apero de Farida Bekmansurova, kiu venis al ni el Glazov! Do, agitu viajn lernantojn, hezitemajn konatojn, venigu ilin! Ja nenio tiom efike fiksas la homojn al la Movado kiel la propra lingva progreso en kleriga kaj distra amika etoso! Kreskigi novajn movadanojn – tiun taskon APERo solvas ankoraŭ tro malsufiĉe. Kaj la tria atendata grupo estas iniciatemaj programkontribuantoj. La modelo estas Mikaelo Povorin, kiu mem proponadas siajn trafajn programerojn sen atendi ke iu invitu lin aŭ petegu agadi. Tial – du specialaj petoj al maturaj esperantistoj: venigu la novulojn kaj pensu per kio vi mem povas esti utila al la aranĝo. Ne atendu, ke iu distru vin! Do, kiam ni formos la sekvan taĉmenton, ni orientiĝos al tiuj principoj. Kaj nun – bonvenon 23-26.02.2017 al APERo-11!

***Irina Gonĉarova, kunordiganto de MEA MASI***
***pli da informoj: https://vk.com/apero_ek_masi***



## NOVOJARSK-2016

Post sufiĉe sukcesa RA-10 en Ĥakasio kaj Krasnojarsk, Katja Arbekova proponis al la krasnojarskanoj kune en varma kompanio festi Novjarfeston en Krasnojarska klubo. Ŝerce aperis ankaŭ taŭga nomo – NOVOsibirsk + KrasnoJARSK = NOVa + JARo = NOVOJARSK. Neniu eĉ supozis ke el la ideo kreskos io pli signifa ol simpla kuna festado. Kiam evidentiĝis, ke komencis aliĝi esperantistoj el Tomsk, Jekaterinburg, Novokuzneck, Germanio, ni komprenis ke bezonatas programo, loĝado, pli longa periodo por la aranĝo, ktp. Do, "la unua blino" okazis. Eble ne ĉio estis sukcesa, ne ĉiuj estas plene kontentaj, sed mi esperas ke Novojarsko estis bona sperto, kaj ĝi ripetiĝu!



Statistiko: Krasnojarsk – 26, Novosibirsk – 9, Tomsk – 5, Moskvo – 2, Germanio, Hispanio, Novokuzneck, Jekaterinburg – po 1.

***Evelina Sokolova (Krasnojarsk)***

La ideo festi Novan Jaron kune estis bonega! Dank' al krasnojarskaj esperantistoj la ideo realiĝis tre sukcese. Gastoj alvenis el diversaj lokoj! Entute estis 46 personoj. La 31-a de decembro estis la unua tago de la renkontiĝo. Tuj post la alveno ni enloĝiĝis en malgrandan hoteleton, kiu troviĝis je 5 minutoj perpiede de la klubejo. Ĝi situas en granda nova domo en la 12-a etaĝo! Ni vidis montojn kaj riveron tra la fenestro! Vespere ni venis en la klubejon. Ĉiu persono alportis ion bongustan, kaj ni startigis festadon. Ni manĝis, trinkis, konkursis, rigardis piroteknikaĵojn, dancis ĉirkaŭ abio kaj kantis! Tiom gaje mi neniam festis!

La 1-an de januaro venis frosto: speciale por niaj eksterlandaj gastoj ni mendis veran siberian veteron. Ni promenis tra la urba centro, fotiĝis kaj amuziĝis. De la 2-a de januaro komenciĝis Esperantaj paroligaj kursoj kaj ankaŭ kurseto pri la hispana por dezirantoj. Kial la hispana? Ĉar nia kara instruisto Rafael Gonzales estas hispano! Rekta metodo de li estas perfekta – gaja kaj tre-tre utila. Vespere ni aŭskultis koncerton de krasnojarska poeto kaj kantisto Aleksej Ĵuravljov. Kunkantis Evelina Sokolova kaj Oljga Bozina. Ankaŭ dum la renkontiĝo ni ekskursis al la fama krasnojarska

natur-rezervejo “Fostoj”, vizitis la operan teatron kaj aŭguris dum Kristnaska vespero.

La 7-an de januaro la temperaturo ekstere estis minus 30 gradoj! Sed ni laŭ la programo vizitis zooparkon! Ni sukcesis vidi simiojn, ĝirafojn kaj pingvenojn! Malgraŭ la malvarmo ekstere ni sentis varmon interne kaj ĝojis esti kune! Mi dankas ĉiujn por partopreno kaj perfekta etoso!

***Katerina Arbekova (Novosibirsk)***



Tiel okazis, ke multajn jarojn, eĉ jardekojn mi ne partoprenis E-aranĝojn. Sed jen – oni decidis organizi Novojarskon en mia urbo, do, ne partopreni ne eblus. La renkontiĝo estis planata kiel simpla novjara kaj amuza evento. Sed la realo superis tiujn planojn. Diversaĝaj kaj diversnivelaj multnombraj gepartoprenantoj, bona etoso, gajaj festoj, donacoj, amuza kaj samtempe serioza lernado de Esperanto dum lecionoj de Rafael Mateos por komencantoj, lingvaj ludoj kaj trejnado por progresantoj, pridiskuto de estontaj aranĝoj, kantoj, ekskursoj, kvizoj, distraĵoj – ĉio ĉi faris la eventon neforgesebla. Unu el signoj de la sukceso – aprezo fare de la gejunuloj.

***Sergeo Ĵilejkin (Krasnojarsk)***

Tiun Novan Jaron mi festis kun miaj novaj amikoj. Ĝi estis mia unua veturo al renkontiĝo de esperantistoj. Mi eĉ ne pensis, ke tie estos tiom interese kaj gaje. Mi konatiĝis kun kelkaj krasnojarskanoj kaj du eksterlandanoj. Ni havis lecionojn pri Esperanto de Rafael. Ili estis la plej ŝatataj kaj neforgeseblaj. Tiuj lecionoj ege helpis praktiki Esperanton. Vespere ni ofte ludis Homlupojn. Ĉiuj ekskursoj ankaŭ plaĉis al mi, precipe mi ŝatis “Fostojn” kaj zooparkon. Dankon al ĉiuj, ke ni estis kune dum tiu semajno!




***Sergeo Zajnutdinov (komencanto, Novosibirsk)***

## JANUARE EN JEKATERINBURG

Ekde la 3-a ĝis la 5-a de januaro en la rusia urbo Jekaterinburg okazis lingvotrejnado pri Esperanto.

La aranĝo estis organizita en la kuracgastejo "Uktus", kie dum nia ĉeesto forestis aliaj gastoj. Tio certe kreis komfortajn kondiĉojn por instruistoj kaj por lernantoj. Unu el la plej rimarkindaj aferoj estis respondeco de instruteamanoj, venintaj dividi sian sperton kun komencantoj kaj progresantoj. Ĉi tie estis Vladimir Opletajev – filologo kaj aktivulo de la ural-siberia esperantista movado, Irina Gonĉarova – moskva esperantistino el esperantista familio, gvidantino de la Moskva Esperanto-Asocio MASI. La aranĝon vizitis ankaŭ Ĝenerala Sekretario de TEJO Arina Osipova. Estas ankaŭ tre grave kaj ĝojige, ke venis novaj antaŭe nekonataj personoj, kio evidente montras aktualecon kaj necesecon de instruista agado.

Verdire niaj ĉi-fojaj lernantoj certe meritas apartan mencion, ĉar dum nur tri tagoj de la aranĝo ili atingis rimarkeblan sukceson. Ĉi tie per siaj propraj okuloj oni povis vidi homojn, kiuj sukcesis jam sufiĉe bone konatiĝi kun la lingvo dum kelkaj monatoj. Min ekzemple tre kortuŝis novulino, kiu nomiĝas Margarita. Tiu estas junulino nevidkapabla, kiu lernadis la lingvon tute memstare dum preskaŭ du monatoj antaŭ la trejnado kaj partoprenis ĝin jam povante interparoli kun aliaj en Esperanto.

Unu el gastoj de nia aranĝo estis juna korea esperantisto Heroo. Li estas aktiva mondvojaĝanto, kiu jam vizitis multajn landojn uzante la neŭtralan lingvon. Heroo dum novjaraj festoj vojaĝis el Hispanio, kie li studis, hejmen al Suda Koreio tra Rusio, kie li planis viziti la plej grandajn urbojn: Sankt-Peterburg, Moskvo, Ĉeboksari, Kazanj, Jekaterinburg, Novosibirsk, Irkutsk, Ulan-Ude kaj Vladivostok. Dum unu el la vesperoj Heroo demonstris bonegan prezentaĵon, en kiu temis pri lia peresperanta vojaĝsperto.

Krom lecionoj estis okazigitaj ankaŭ ludoj, amuziĝprogrameroj, bankedoj. Fine de ĉiu tago partoprenantoj povis ĝui vesperan amikan etosumadon spektante videojn kaj aŭskultante esperantlingvajn kantojn de *Kore*, Jonny M kaj aliaj. Entute etoso de la aranĝo estis ĝoijga, preskaŭ tia, kian oni povas senti dum multaj aliaj esperantistaj aranĝoj inkluzive eĉ kongresojn. Oni povas sincere konstati, ke la nuna trejnado donis al



ni novan ondon de inspiro kaj deziro pli kaj pli denove antaŭenigi nian aferon. Malgraŭ ke mi inter aliaj gvidis kelkajn lecionojn dum la trejnado, mi ankaŭ havis okazon malkovri kelkajn malĝustaĵojn de mia lingvokono. En Rusio ekzistas diraĵo: "Jarcenton vivu, jarcenton lernu".

Post la trejnado ĉiuj dezirantoj povis partopreni ekskurson tra Jekaterinburg. La ekskurson gvidis loka esperantistino Rita Ĥusanova, kiu aranĝis tute profesian kaj informoplenan rondvojaĝon tra la vintra urbo.

***Kirill Noviĉenko (Sankt-Peterburg)***

## NOMBROJ KAJ FAKTOJ PRI LA VINTRA LINGVOTREJNADO

**Dato:** 03 – 05.01.2016.

**Loko:** Jekaterinburg, sanatorio-ripozejo "Uktus".

**Organizantoj: Raja Kudrjavceva** (Jekaterinburg) – ĉefa kunordiganto kaj gvidanto de la programo; respondeculo pri la instru-metodika programo por la nivelo A2; **Vladimir Opletajev** (Surgut) – respondeculo pri la instru-metodika programo por la niveloj B1-B2; **Pavel Veselov** (Tjumenj) – komputila servo, Interreto, pretigo de nomŝildoj, certigiloj.



**Instruistoj: Irina Gonĉarova** (Odincovo) – profesia instruistino de Esperanto, aŭtoro de Esperantaj lernolibroj, fondinto kaj prezidanto de Moskva Esperanto-Asocio MASI (KER-ekzameno – C1); **Konstantin Ĥlizov** (Jekaterinburg) – inĝeniero, bardo, kursgvidanto; **Raja Kudrjavceva** – Esperanto-aganto; reprezentanto de la ural-siberia esperantista movado, kursgvidanto (KER-ekzameno – C1); **Kirill Noviĉenko** (Sankt-Peterburg) – inĝeniero, vicprezidanto de la esperantista klubo "Kariljono" en Sankt-Peterburg, A-komitatano de TEJO; **Vladimir Opletajev** – filologo, lingvoinstruisto, kursgvidanto (KER-ekzameno – C1); **Oljga Ŝiljajeva** (Glazov) – universitata instruisto de ekonomiko, B-komitatano de TEJO, konstanta kunlaboranto de "Kontakto", kursgvidanto (KER-ekzameno – C1); **Tatjana Vŝivceva** (Miass) – inĝeniero, verkanto, tradukanto, kursgvidanto.

**Moto de la lingvotrejnado:** "Halti sur vojo al alto signifas regliti" (Nikolao Kurzens).

**Celoj de la lingvotrejnado:** aktivigo de lingvokonoj de komencantaj kaj komencintaj esperantistoj; evoluigo de iliaj bazaj lingvokapabloj: aŭda kompreno, parolkapabloj, skribokapabloj, legokompreno; traktado de fonaj kulturaj kaj movadaj temoj. La lingvotrejnado estas tritaga staĝo kun intensa engrupa instruado de Esperanto kaj akcesoraj klerigaj, kulturaj kaj movadaj programoj.

**Partoprenantoj: 31** – 1 gasto el Suda Koreio kaj 30 personoj el 13 urboj de Rusio: Jekaterinburg – 12; Miass, Moskvo – po 3; Glazov, Tjumenj – po 2; Luberci, Neftejugansk, Novosibirsk, Odincovo, Revda, Sankt-Peterburg, Surgut, Uljanovsk – po 1.

**Organizaj instruformoj:** Dunivela instruado konforme al la KER-sistemo de kriterioj: grupo A por baznivelaj lingvouzantoj; grupo B por memstaraj lingvouzantoj. Entute en ĉiu grupo estis okazigitaj po 15 kvindekminutaj lecionoj. En la leciontabelo estis gramatikaj, leksikaj, paroligaj lecionoj, rolludoj, kvizoj kaj konkursoj, klerigaj kaj distraj vesperaj aranĝoj. Ĉiuj kursanoj ricevis certigilojn pri la partopreno en la kurso de koncerna nivelo.



**Aplikitaj metodoj**: 1) Metodoj, aktivigantaj cerbolaboradon kaj kreadon de la kursanoj: eksplikado kaj diversforma ilustrado de la studata materialo; problemcela konversaciado; reproduktado; praktika ekzercado. 2) Metodoj, akcelantaj la agadon de la kursanoj: rakontoj, raportoj, prelegoj, konversacioj, dialogoj, polilogoj, rolludoj, kvizoj, prezentado de filmoj kaj instruaj prezentaĵoj, uzado de tekstoj kaj skribaj ekzercoj (testaj, verkaj, komentariaj, tradukaj, substituaj). Ĉefaj instruformoj dum la lecionoj: kolektiva (tutgrupa, etgrupa), partnera, individua.

**Kulturklerigaj programoj**: "Amika vespero", "Novjarfesta vespero", prelego "Esperanto estas ne nur lingvo" (Kirill Noviĉenko), aŭtora filmo pri la 100-a UK en Lillo (Kirill Noviĉenko), raporto "Esperanto kiel ilo por mondvojaĝo" (Kim Youngung – Heroo), inform-aktiviga pro-

gramero "Kampoj de persona aktivado", kvizo pri la revuo "Kontakto" (Oljga Ŝiljajeva), lingvaj ludoj, kantoj en Esperanto.



**Amaskomunikiloj pri la Vintra lingvotrejnado**: **Oljga Ŝilajeva, Kirill Noviĉenko** – Sonraportoj "Sukcesis la dua Vintra Lingvotrejnado en Jekaterinburgo, Rusio" – Ĉina Radio Internacia. – 12.01.2016 – <http://esperanto.cri.cn/2521/2016/01/12/165s183717.htm>. **Vladimir Opletajev** "Sukcesa lingvotrejnado en Uralo", retejo "La Balta Ondo" – 17.01.2016 – <http://sezonoj.ru/>.

***Vladimir Opletajev (Surgut)***

## IMPRESOJ DE LA PARTOPRENINTOJ

La tri tagoj de la Vintra lingvotejnado estis vere intense travivitaj: tage en ambaŭ grupoj (A- kaj B-nivelaj ) okazis lecionoj unu post la alia, nur kun malgranda kvinminuta spirpaŭzo inter ili. Vespere estis kulturkleriga programo kaj distraj Esperanto-programeroj, dum kiuj ni kune festis, aranĝis la komunan koncerton, ludis k.t.p.

Mi estas tre kontenta, ke ni ĉiuj kune sukcesis krei bonan amikan etoson por la interŝanĝo de lingvaj scioj, kiam pli spertaj kaj kompetentaj Esperanto-uzantoj povis instrui al la relative novaj lingvouzantoj aŭ al tiuj, kiuj ne tre ofte praktikas la lingvon, sed ŝatis evoluigi siajn lingvokapablojn. Ĝojige estis, ke la sepkapa teamo de instruistoj laboris tre entuziasme, inspire kaj vere bruligis la fajron de la studado, pri kiu mi esperplene diris dum la malfermo de la trejnado. Al mi ankaŭ plaĉis la lernantoj de ambaŭ grupoj, kiuj estis vere interesitaj lerni, ricevi novajn sciojn, diligente plenumis ĉiujn instrutaskojn. Mi mem klopodis ĉion sukcesi: kaj instrui apartajn temojn al A-niveluloj en la A-grupo, kaj plezure partopreni kiel lernanto apartajn lecionojn kun la interesegaj temoj en la B-grupo; gvidi vesperajn programerojn, zorgi pri la festa tablo. Ĉeesto kaj helpo de miaj bonaj amikoj, ilia aktiva kunagado, ilia ĉiam sentebla bonhumoro certe aldonis fortojn al mi! Kaj tre plezurigis ĉiujn multaj agrablaj surprizoj de amikoj! La plej granda estis apero de korea esperantisto Kim Youngung (lia



nomo tradukiĝas kiel Heroo), kiu faris interesan prezentaĵon pri siaj tutmondaj Esperanto-vojaĝoj.

Mi nur bedaŭras, ke pro tiu streĉa ritmo de agado tute ne restadis la tempo por trankvile sidi kaj interparoli kun miaj amikoj. Nur iomete mi povis fari tion la 5-an de januaro vespere, kiam min vizitis tiuj el la geamikoj, kiuj devis forveturi el Jekaterinburg iom pli poste, aŭ nokte aŭ frumatene, kaj ni denove dekunuope sidis ĉetable en mia hejmo kaj ĝuis la amikan interkomunikiĝon. Ankaŭ mi ĝojis, ke du miaj geamikoj – moskvanoj Irina Gonĉarova kaj Aleksandr Lebedev – post la lingvotrejnado restis gasti por tri tagoj en mia hejmo, kaj ni tre bone pasigis la tempon kune, promenante en la urbo, vizitante teatron, kunrigardante la fotojn pri la ĵus pasinta aranĝo kaj interŝanĝiĝante la impresojn pri ĝi, simple amike babilante pri diversaj temoj.

Belaj rememoroj pri la tagoj de la Vintra lingvotrejnado restos kun mi, kaj ili certe varmigos la animon vintre. Mi dankas al ĉiuj miaj geamikoj – partoprenintoj de la aranĝo por tiu festo de agrabla, ĝojiga kaj tre utila interkomunikiĝo! Mi esperas pri niaj renkontiĝoj kaj nia kunagado ankaŭ estonte!

***Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg)***

* * *

Mia nomo estas Dmitrij Rzjanin. Mi estas memlernanto, kaj mi volonte partoprenis la Vintran lingvotrejnadon en Jekaterinburg. Por mi tio estis unua sperto de aktiva parolado en Esperanto. Neniam antaŭe mi aŭdis homojn tiom multe paroli Esperanton, kaj mi kun ĝuo ensorbis kiel spongo ĉiujn vortojn. Fine ankaŭ mi mem iĝis homo parolanta Esperanton! Nun mi ne timas konversacii en skajpo!

***Dmitrij Rzjanin / Dima ERZa (Revda)***

* * *

Jen, finiĝis la unua por mi lingvotrejnado en Jekaterinburg. Pasintjare mi planis partopreni la aŭtunan lingvotrejnadon, sed bedaŭrinde realigi tiujn planojn malhelpis tiamaj malfavoraj cirkonstancoj. Nun mi kun nostalgio rememoras tri trejnadajn tagojn plen-plenajn de eventoj, kiuj donacis al mi ne nur novajn sciojn en Esperanto, sed ankaŭ grandan plezuron de la komunikiĝo kun tre interesaj kaj bonanimaj homoj.

La instrua kurso en la B-grupo stimulis profundigi mian komprenon pri Esperanto-gramatiko kaj leksiko kaj plenigi iujn ekzistantajn mankojn en miaj lingvoscioj. Por mi estis granda honoro praktiki Esperanton dum la lingvaj lecionoj de tiaj elstaraj Esperanto-instruistoj, kiel Vladimir Opletajev kaj Irina Gonĉarova. Dankon al la organizantoj, ke ili invitis al la Vintra trejnado en Jekaterinburg tiujn pedagogojn!



Ĉiu lingva leciono de V.Opletajev vere allogis min: pri la bela Esperanto-prononco, pri aŭdado, pri Esperanto-paronimoj – ja por mi, kiel lingvisto, ili estas tre aktualaj kaj interesaj. Kaj la leciono, dediĉita al la uzado de volitivo en Esperanto, tre helpis min profundigi miajn sciojn pri tiu gramatika parto de Esperanto, ĝustigi por mi apartajn gravajn nuancojn. Estis agrable rimarki, ke tiujn novajn sciojn mi ensorbis tre facile, kaj mi opinias, ke tion helpis ne nur diverstipaj ekzercoj, sed ankaŭ la tre efika ŝanĝo de prezentadformoj de la informoj: jen testado, jen ekzercoj, jen rolludoj; zorgeme pripensitaj detaloj de la prezentado: de intence uzita diverskolora papero por printado de diversaj tekstoj ĝis ligo al la temo kaj surpriza enmanigo de agrablaj novjaraj memoraĵoj. Kaj ĉion ĉi akompananta agrabla milda humuro de la prezentinto malebligis enui eĉ minuton kaj stimulis la cerbumadon pri la temo.

La lecionojn de Irina Gonĉarova karakterizas dinamismo, originala stilo, proponitaj interesaj ekzercoj, abundo de taskoj por traduko. Ŝi dividis kun ni ĉiuj siajn interesegajn lingvajn observojn kaj trovaĵojn, akiritajn dum

pluraj jaroj de la instruado de Esperanto al lernantoj, cetere ne nur nialandaj, sed ankaŭ eksterlandaj. Krome karismo, specifa al Irina, kreas la bezonatan agordiĝon por alproprigo de la scioj, kiujn ŝi senavare transdonas.

Mi volus ankaŭ mencii en la programo interesegan prezentaĵon pri la tutmondaj vojaĝoj de korea esperantisto Heroo, filmon pri la 100-a jubilea UK en Lillo de Kiril Noviĉenko, kantadon kun Konstantin Ĥlizov kaj matenan jogumadon kun Nastja Golovkina, kiujn mi volonte partoprenis.

Certe ni ĝoje pasigis la tempon dum vesperaj distraj programeroj: Amika vespero, enkadre de kiu ni agrable festis ankaŭ la naskiĝtagon de Tatjana Vŝivceva el Miass kaj Novjara festo, kiun ni gaje kunfestis. Estis bonege renkonti dum la trejnado Esperanto-gastojn el Moskvo, Sankt-Peterburg, Novosibirsk, Uljanovsk, Glazov, Tjumenj kaj aliaj urboj! Mi dankas al ĉiuj, kiuj partoprenis la trejnadon, dividis kun ĉiuj siajn sciojn, energion, talenton kaj animvarmecon! Apartan dankon al Raja Kudrjavceva, sen kiu ne imageblas tiu aranĝo en Jekaterinburg, kleriga kaj samtempe tre festa, kaj certe inspira kaj donanta la puŝon al plua studado de la lingvo! Mi estis senlime ĝoja vidi miajn malnovajn amikojn kaj konatiĝi kun la novaj kaj atendos niajn aliajn renkontiĝojn!

***Aleksandra Osipova (Jekaterinburg)***

* * *

Ankaŭ mi partoprenis en la lingvotrejnado 2016. Dankon al ĉiuj organizantoj, precipe Raja Kudrjavceva kaj Pavel Veselov! Vi ĉiuj estas bravuloj! Vi faris grandan laboron por ni, kaj tio estas tre valora!




Kaj mi dankas niajn instruistojn! Tiuj estas Vladimir Opletajev, Irina Gonĉarova, Oljga Ŝiljajeva, Tatjana Vŝivceva kaj Kirill Noviĉenko. Fakte mi ne praktikis Esperanton pli ol unu jaron. Kaj por mi ĉiuj lecionoj estis malfacilaj... Post la la unua leciono mi pensis, ke... eble indas iri al alia grupo (A). Fine jam estis pli facile kompreni pri kio temas. Ĉio dependis de ni mem, kaj aktive studante ni povis plibonigi la lingvonivelon.

Tre interesaj estis la temoj de lecionoj. Por mi estis multaj malfacilaj

momentoj (ekzemple: -ig kaj -iĝ kaj aliaj, pri kiuj mi eĉ ne sciis). Vladimir Opletajev estas bonega instruisto. Mi ne sukcesis kompreni ĉion bone, sed mi dankas lin, ke li trovis tiajn interesajn momentojn, pri kiuj mi en mia parolado eĉ ne pensis. Irina Gonĉarova estas ankaŭ spertega instruisto. Mi bone memoras, kiel mi studis Esperanton ĉe Irina dum REK-EoLA en Jekaterinburg. Dankon pro viaj ludoj: ili estis ĉiam interesaj kaj viglaj. Tre interese Oljga Ŝiljajeva rakontis pri "Kontakto". Ankaŭ multon interesan kaj utilan mi eksciis en la leciono de Kirill Noviĉenko.

Bedaŭrinde mi preskaŭ ne partoprenis en vesperaj programeroj. Sed mi konatiĝis kun novaj homoj kaj renkontiĝis kun miaj amikoj kaj sukcesis aŭskulti la kantadon de Konstantin Ĥlizov. Bonege! Dankon al mia kompanio, kiu matengimnastikis kaj praktikis jogon kune kun mi – Elvira Insapova, Aleksandra Osipova kaj la tuta familio Vŝivcev.

***Anastasija Golovkina (Tjumenj)***

* * *

La Vintra lingvotrejnado estis mia unua Esperanto-aranĝo. Mi intencas somere vojaĝi en Brazilon por viziti Olimpikon en 2016. Mia amikino kaj E-instruisto Oljga Ŝiljajeva havas esperantistajn amikojn en Brazilo. Ŝi diris, ke mi povos loĝi en iliaj hejmoj. Ili parolas nur en Esperanto. Pro tio nun mi lernas Esperanton. Ŝi proponis al mi viziti la Vintran lingvotrejnadon, ŝi diris, ke ĝi helpos min pli bone kompreni la lingvon. Dank' al ĉi tiu aranĝo mi komprenis, ke Esperanto estas tre bela, interesa kaj facila lingvo. Mi konatiĝis kun esperantistoj el diversaj urboj. Ni havis gajajn, interesajn kaj utilajn lecionojn por komencantoj, loĝis en oportunaj, belaj ĉambroj, manĝis bonguste, ludis diversajn ludojn. Mi komprenis, ke Esperanto estas granda mondo, kie loĝas agrablaj, amikemaj, saĝaj homoj. Mi tre volas esti ĝia parto. Dankon al ĉiuj, kiuj organizis tiun belegan lingvotrejnadon!

***Farida Bekmansurova (Glazov).***



# BULTENO DE REU

**№ 84, Marto 2016**



***Karaj, estimataj kaj amataj esperantistinoj!***
***Ni, la viroj de REU, elkore gratulas vin okaze de la Internacia Tago de Virinoj, kaj deziras al vi, ke nia printempe verda lingvo Esperanto konstante alportadu al vi ĉiam pli kaj pli da sukcesoj en ĉiuj kampoj kaj konstante vin feliĉigu!***

## Invito al la kvina Internacia KER-sesio en Moskvo



Karaj geamikoj, la 16-an de aprilo 2016 jaro en Moskvo okazos vica skriba internacia KER-ekzameno. Partopreno en la ekzameno estas dezirinda kaj rekomendinda por kursfinintoj, parolantoj, posedantoj de la lingvo diversgrade kaj ankaŭ elemente. Aliĝi al la ekzameno eblas rete ĉe la paĝaro <www.edukado.net> kaj ankaŭ ĉe la ĉeforganizanto Svetlana Smetanina (rete <svsmetanina@yandex.ru>). La skriba parto pasos en bone ekipita loko, kie oni sidos po 1 persono ĉetable. Aliĝi eblos al la niveloj B1, B2 kaj C1. La ekzameno estas pagata, la mono estos ĝirota al UEA-konto. Kostoj por la niveloj: B1 – 17 eŭroj, B2 – 19 eŭroj, C1 – 21 eŭroj. Kiu jam pasigis ĉi ekzamenon, povos aliĝi al pli alta nivelo. Kompleksan ekzamenon aŭ aldone la parolan parton eblos pasigi iam ajn en UK-oj aŭ aliaj internaciaj aranĝoj. Post sukcesa ekzameniĝo, kies laboraĵoj estos kontrolataj en speciala Komisiono en Budapeŝto, oni ricevos internacie validajn certigilojn en 4 lingvoj: la angla, la germana, la rusa, Esperanto.

En Rusio jam estas pli ol 100 ekzamenitoj, tio estas bona prestiĝo internaciskale pri lingvonivelo en Rusio. Bonvolu ne prokrasti la unikan okazon aliĝi kaj sukcese ekzameniĝi!

Akcepto de aliĝiloj kaj kotizoj estas ĝis la 20-a de marto 2016. Pri ĉiuj detaloj bonvolu turni vin al S.Smetanina.

## Ĉu ILEI-sekcio en Rusio renaskiĝu?

Nome de ILEI – Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj ni alvokas ĉiujn rusiajn esperantistojn-insruistojn apogi nian iniciaton restarigi la rusian sekcion de ILEI.
ILEI estas fondita en 1949. Ĝi unuigas homojn, kiuj instruas aŭ ŝatas/emas instrui la Internacian lingvon. ILEI havas proprajn revuojn – *IPR (Internacia Pedagogia Revuo*) kaj *JA (Juna Amiko*) – kaj propran paĝon en la revuo *Esperanto*. Ĉiujare okazas ILEI-konferenco (en Belgio en 2015 kaj en Hungario ĉi-jare). La organizaĵo disponigas riĉan kolekton de diversaj instru- kaj lernomaterialoj por instruemuloj, lanĉas diversajn projektojn, konkursojn, instrutrejnadojn kaj seminariojn dum internaciaj E-aranĝoj kaj ekster ili. Pli detale vi povas konatiĝi kun la organizaĵo kaj ĝia agado en <www.ilei.info>.




Nun ILEI kalkulas 39 sekciojn en 38 landoj. Tamen inter ili forestas Rusio (la sekcio estis nuligita pro malaktivado en ILEI-Konferenco en 2011), kvankam en nia lando okazas multaj Esperanto-kursoj, inkluzive tiujn por junularo. Tio tute ne helpas, kompreneble, al la bona bildo pri Rusio flanke de la monda Esperanto-movado. Esperanto-instruado funkcias tute dise tra la lando, ne ĉiuj instruistoj emas doni informojn pri siaj kursoj kaj kursfinintoj. Malgraŭ tio Rusio okupas la 5-an lokon en la paĝaro <www.edukado.net> laŭ la kvanto de registritaj instruistoj.
Por restarigi la rusian sekcion oficiale ĉe ILEI necesas havi minimume 5 membrojn. Espereble ni povas havi multe pli. Do, ni alvokas ĉiujn neindiferentajn esperantistojn: se vi volas disvastigi la Internacian lingvon kaj ĝian noblan rolon en la maltrankvila nuna mondo, aliĝu! Dezirantoj, bv. adresi vin al S.Smetanina <svsmetatnina@yandex.ru> aŭ E.Nadikova <lena_espero@mail.ru>.
***Dankon kaj bonvenon!***

*Elena Nadikova, Estrarano de ILEI (Ĉeboksaro)*
*Svetlana Smetanina, Reprezentanto de ILEI en Rusio (Moskvo)*

## Nova granda romano de Bruna Ŝtono




En la eldonejo "Impeto" ĵus aperis nova granda romano de Mikaelo Bronŝtejn "Mi stelojn jungis al revado". Ĝi daŭrigas la serion de romanoj, dediĉitaj al historio de Esperanto-movado en nia lando. Ĉi-foje temas pri la tragika epoko inter 1918 kaj 1938. La romano estas, certe, beletra verko, sed ĝiaj herooj estas realaj historiaj personoj – famaj esperantistoj, kaj ĝi estas bazita sur serioza esploro de dokumentoj, abunde citataj en la teksto. Ĉiu, kiu interesiĝas pri nia historio, nepre devas tralegi ĝin. Tion, ke la legado estos por vi ne nur interesa, sed ankaŭ agrabla, certigas la fame konata beletra talento de la aŭtoro. Interesa fakto: la romano nun okupas la duan lokon laŭ la grandeco en la originala E-literaturo: ĝi havas 566 paĝojn (pli grandas nur "La granda kaldrono" de John Islay Francis, kiu havas 692 paĝojn).

## Libro de Jurij German eldonita en Belgio

En belgia urbo Edegem estas eldonita de MAS (Monda Asembleo Sorta) nova traduko de konata tradukisto el Rusio Jurij Finkel. Temas pri la unua volumo el la trilogio “La afero, al kiu vi servas” de la populara sovetia verkisto Jurij German. La aŭtoro mem ŝatis sian romanon kaj asertis, ke la protagonisto de la trilogio kirurgo Vladimir Ustimenko enkorpigas ĉion plej bonan, kion li mem aspiris en la vivo. Jurij Finkel esperantigis plurajn librojn el la literaturo de la sovetia periodo. La liston de liaj tradukitaj verkoj vi povas vidi ĉe <http://www.esperanto.mv.ru/En>. Krom tio li kreis kelkajn popularajn komputilajn programojn por Esperanto-uzantoj. La tradukinto naskiĝis la 4-an de marto 1964 en Uljanovsk. Li estas diplomita inĝeniero-programisto. Laŭ propra mencio de Jurij, li konsideras sin konvinkita marksisto, ateisto kaj materiisto. La novan tradukitan libron ofertas la Libroservo de UEA <http://katalogo.uea.org?inf=9251>.

## Renee Triolle en Moskvo



La 24-an de februaro la konata franca esperantistino kaj sociaganto, iama vicprezidanto de UEA Rene Triolle vizitis la Moskvan E-Klubon "Lev Tolstoj", kie ŝi interese prezentis diversajn temojn, inter cetere ŝi rakontis pri sia hejmregiono (Provenco). Dank’ al la demando de Viktoro Aroloviĉ ŝi esprimis sian opinion ankaŭ pri APERo-10, kiun ŝi plentempe partoprenis, listiginte ĉefajn pozitivaĵojn de la aranĝo: abundo de gejunuloj, varieco de la programo, volonta kaj amasa programer-kontribuado de la ĉeestantoj (eĉ la frua komencantino kuraĝas partopreni Tradukistan Konkurson). Sekvonttage ŝi kune kun grupo de rusiaj esperantistoj (Svetlana Smetanina, Mikaelo Ĉertilov, Irina Gonĉarova, Nikolao Gudskov) vizitis Unesko-komisionon ĉe la Ministerio de Eksteraj Aferoj de Rusio. Renee rakontis pri sia sperto de reprezentanto de UEA ĉe Unesco. Okazis vigla interŝanĝo de opinioj pri eblaj direktoj de kunlaboro inter REU kaj la komisiono.

*Irina Gonĉarova*

## Nova membro de AdE en Rusio



La 17-an de februaro okazis laŭvica renovigo de triono de la konsisto de la Akademio de Esperanto. Inter la novelektitaj membroj por la sekvaj 9 jaroj estas moskva esperantisto Nikolao Gudskov. Li fariĝis la kvara akademiano, loĝanta sur teritorio de Rusio: la aliaj estas Sergio Pokrovskij (Novosibirsko), Paŭlo Moĵajev (Simferopolo) kaj Aleksandr Melnikov (Rostovo-ĉe-Dono). Krom tio, inter akademianoj estas niaj eksaj samlandanoj, nun loĝantaj en Usono: Boris Kolker kaj Alexander Shlafer. Ni sincere gratulas la novan membron de AdE kaj deziras sukcesplenan poresperantan laboron!

*Svetlana Smetanina*

## *En Esperanto-gazetaro*

# Pri Esperantaj bardoj de Rusio

En la ĵus eldonita februara kajero de la revuo "Esperanto" estas publikigita en la rubriko "Esperantujo" tre interesa artikolo de Mikaelo Bronŝtejn "Plenigu l' korojn la muzik'...". La teksto estas verkita en la neripeteble individua rakontmaniero de nia konata rusia bardo-esperantisto. En la artikolo, havanta la subtitolon "Kelkaj respondoj al la demandoj pri la Esperantaj bardoj de Rusio", la aŭtoro prezentas proprajn rememorojn, provas skize resumi la kelkjardekan sovetian kaj rusian historion de barda kantado kaj respondas la demandojn: kial, kiam, kie, kiu estis pioniro inter aŭtoraj esperantistoj-kantokreantoj de nia lando. Fine de sia rakonto Mikaelo Bronŝtejn esperige kaj kredige emfazas: "En tiu ĉi mallonga prezenta artikolo mi ne rakontu ankaŭ pri nova generacio de talentaj Esperantaj bardoj, sed mi diru, ke ili multas kaj ili verkas." Leginda artikolo.

## *Sciencistoj pri Esperanto*

# Esperanto estas plej oportuna lingvo

Jen kion skribas en sia artikolo doktoro de filozofiaj sciencoj, katedrestro de Moskva ŝtata universitato V.P.Pugaĉov:

***Пугачев В.П.*** **Социальные трансформации в постсоветской России в свете стратегии глобального управления человечеством**

……В силу всего этого функцию языка мирового общения с гораздо большим успехом мог бы выполнить другой язык. **Наиболее демократичным и практически удобным для этого является искусственный язык**, например, эсперанто, изучение и использование которого имеет массу преимуществ перед английским. Изучить эсперанто (или другой) искусственный язык, построенный по простым и четким правилам, не представляет большого труда и для школьника, и для взрослого человека. Введение искусственного языка в качестве средства международного общения позволило бы людям во всем мире сэкономить массу времени и материальных затрат, расширило бы возможности международных контактов, обогатило бы и демократизировало всю сферу международного общения.

Конечно, введение нового языка мирового общения требует длительного времени и учета интересов людей, профессионально занятых в сфере обучения английскому языку: преподавателей, переводчиков и т. п. Попытки сделать это ранее уже встречали и будут встречать упорное сопротивление со стороны США и проамериканского лобби. Однако блага, которые получит человечество от введения легкого для усвоения и удобного языка мирового общения, неизмеримо больше тех затрат, которые для этого понадобятся. Начать этот процесс можно было бы в рамках стран, входящих в БРИКС, в частности за счет преподавания в их школах (вместо иностранного или наряду с ним) в качестве обязательного языка мирового общения.

Использование легкого для изучения искусственного языка устранило бы языковые барьеры на пути общения самых разных людей: туристов, ученых, бизнесменов, обычных граждан, которые получили бы возможность стать реальными участниками международной жизни и мировой политики, понимающими друг друга и имеющими возможность самостоятельного, свободного общения. Принятие Мировым сообществом искусственного языка в качестве языка мирового общения способствовало бы гуманизации всей системы международных отношений, установлению демократическо-

го устройства мира, основанного на принципах равноправия и сотрудничества…..
<http://e-journal.spa.msu.ru/uploads/vestnik/2015/vipusk__53._nojabr_2015_g./globalnoe_upravlenie/pugachev.pdf>

Ĝenerale, tre saĝa kaj legenda artikolo, inda por ke kun ĝi konatiĝu esperantistoj.

*Informis Boris Kolker*

## Pri Esperanto en politologia artikolo

En artikolo de Valentin Seguru “МОЛДАВИЯ НА ПЕРЕПУТЬЕ: МЕЖДУ РОССИЕЙ, РУМЫНИЕЙ И ЕВРОПЕЙСКИМ СОЮЗОМ”, publikigita en grava armena retejo, aperis mencio pri Esperanto, kiu mirakle konserviĝis en la teksto malgraŭ ĉiuj mallongigoj far la redakcio: “Как в этом контексте не вспомнить замечательное творение нашего выдающегося соотечественника доктора Людвика Лазаря Заменгофа, создавшего к 1887 г. международный язык эсперанто – благозвучный, лёгкий по грамматике и, главное, политически нейтральный, то есть не ангажированный. Язык, функционирующий в мире почти полтора века вопреки суровым ветрам современной истории.”:
<http://www.noravank.am/rus/articles/detail.php?ELEMENT_ID=14431>

*Informis la aŭtoro*

***Niaj jubileoj***

## 40 jaroj post la forpaso de Kolomano Kalocsay

La 27-an de februaro 1976 forlasis nin KÁLMÁN KALOCSAY, la elstara eminentulo de la Esperanto-literaturo kaj lingvoscienco, membro de la Akademio de Esperanto, honora membro de UEA, honora prezidento de Hungara Esperanto-Asocio, ano de la redaktoraro de Hungara Vivo. Li laboris en la hospitalo de infektaj malsanoj en Budapeŝto. Kun Esperanto li konatiĝis en 1911. En 1922 Baghy, Kalocsay kaj T.Schwartz fondis la faman revuon “Literatura Mondo”, kiu fariĝis la plej konata literatura arta organo de la Esperanta mondkulturo. Liaj plej valoraj tradukaĵoj estas *Johano la Brava* (epopea fabelo de Petőfi), *La Tragedio de l’ Homo* (drama poemo de Madách). En la eldono de LM aperis “Hungara antologio”, kiun Kalocsay ne nur redaktis, sed la plejparton li mem tradukis. Por Kálmán Kalocsay Esperanto estis arda pasio, por kio li laboris ĝis sia lasta spiro. Li postlasis ankaŭ riĉan vivoverkon, tian spiritan valoron, kiun heredas la tutmonda esperantistaro.




*Terézia Turányi*

---

**La Bulteno de REU (BdR) atendas viajn lokajn, regionajn novaĵojn! Bonvolu sendi ilin al Nikolao Gudskov <nikolao@yandex.ru> aŭ (kaj) Svetlana Smetanina <svsmetanina@yandex.ru>**

*Estraro de Rusia Esperantista Unio*

---

Redaktofino 26.02.2016

# Eksciu, ke...

## GRÉSILLON INVITAS

La franca Esperanto-kastelo Grésillon invitas vin lerni kaj ferii en 2016:

08-16.04: PRINTEMPaS, intensivaj **kursoj** kaj KER-ekzamenoj (B1, B2, C1);

20-24.04: **Korusa** renkonto de *Interkant'* kaj **verkad-**ateliero *Krajon'-Ankro;*

12-17.06: Luaro laŭ la vortoj, **turisma** semajno laŭ verkistoj;

04-15.07: Dektaga kurso pri la esprimo de la **tempo** en Esperanto;

06-13.08: SOMERAS, la Esperanto-**studad**-semajno post FESTO;

21-28.08: Festa semanjo por **infanoj**, adoleskantoj kaj familioj.

Kontaktoj kaj informoj:

<http://gresillon.org/>, <kastelo@gresillon.org>, +33-2.41.89.10.34.

## NOVA REDAKTORO POR LA REVUO "ESPERANTO"

El ses kandidatoj por sekvi Fabrício Valle kiel redaktoro de la revuo *Esperanto*, la Estraro de UEA elektis Attila Kaszás (47). Li estas diplomita esperantologo, historiisto, politologo kaj li laboras en Budapeŝto kiel konsultanto kaj manaĝisto.

*Ni estas tre feliĉaj pri la kvalito de la homoj, kiuj proponis sin por tiu grava rolo*, komentas la Prezidanto de UEA, d-ro Mark Fettes. *La redaktoro estas ŝlosila ano de nia teamo, kaj mi antaŭvidas ke Attila plurflanke kontribuos al niaj laboroj por la renovigo de la Asocio.*

Lerninto ĉe la fama kvintaga "Piratfiŝkurso" en 1987, Kaszás tuj aliĝis al la E-Fako de la Universitato ELTE en Budapeŝto, kaj fariĝis tre aktiva en la junulara movado de la 90-aj jaroj. Estrarano de Hungara E-Junularo kaj TEJO, li kunorganizis multajn junularajn renkontiĝojn kaj trejnseminariojn, rolante kiel la LKK-prezidanto de la 55-a IJK. Dum la renkontiĝoj li ofte verkis kaj reĝisoris humurajn skeĉojn kaj kunredaktis eldonaĵojn. Poste li fondis E-familion, en kiu naskiĝis unu filo.

Profesie, Kaszás laboris ĉe registaraj instancoj, NRO-oj kaj komercaj entreprenoj en diversaj kampoj, kiel ekz. junularpolitiko, ekologia mastrumado kaj internaciaj rilatoj. Li nun faras doktorajn studojn pri elektronika demokratio. Membro de la hungara UNICEF-komisiono kaj estrarano de la Asocio de Eŭropaj Baloto-Spertuloj, li krome ellernis pro pasio dek kvar lingvojn ĝis nun, kaj multe vojaĝis, entute en pli ol kvardek landoj.

Kaszás transprenos la redaktadon de la revuo ekde la maja numero ĉi-jare. *Dum la lastaj semajnoj mi konstante cerbumas pri la revuo, mi estas plena je ideoj, temoj, rubrikoj, artikoloplanoj*, li entuziasmas. Jam en marto li planas viziti la Centran Oficejon por konatiĝi kun la kolegoj tie.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## UEA PLANAS AĈETI LOĜEJON POR VOLONTULOJ EN ROTERDAMO

La Estraro de UEA planas aĉeti loĝejon kun pluraj dormoĉambroj por volontuloj en Roterdamo. Momente ne eblas akcepti volontulojn facile, ĉar dormo-spaco en la Centra Oficejo estas tre limigita kaj hoteloj estus tre multekostaj. Tamen volontulaj laborfortoj sur la diversaj agadkampoj de UEA estas nepre bezonataj, kaj multaj junuloj, mezaĝuloj aŭ pensiuloj pretas labori volontule por UEA en Roterdamo.

*Ni starigis nian Volontulan Servon jam en la sepdekaj jaroj, sed nun la havebleco de eŭropaj subvencioj ebligas ĝian plivastigon,* klarigas Mark Fettes, Prezidanto de UEA. *Volontuloj ne nur helpas en la realigo de plej diversaj laboroj, sed krome post spertiĝo povos pli efike labori por plifortigi la movadon en siaj hejmlokoj.*

Por financi la aĉeton de volontula loĝejo, la Estraro lanĉas tutmondan donackampanjon. *Ĉiuj kontribuoj, ĉu grandaj, ĉu etaj, estas bonvenaj,* diras Martin Schäffer, Ĝenerala Sekretario de UEA. *Krome eblas pruntedoni monon al UEA je malgranda aŭ nenioma interezo por helpi al realigo de la projekto.* La Estraro jam konfidis al teamo de oficistoj la taskon esplori pri taŭgaj loĝejoj en Roterdamo, sub la gvido de Vica Ĝenerala Direktoro Veronika Poór.

Por ricevi pliajn informojn bv. skribi al <domo@co.uea.org>. Donacojn eblas fari al la kontoj de UEA. Vidu: <http://uea.org/alighoj/pagmanieroj>. Bonvolu aldoni priskribon: Konto voldom.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

La 4-an de februaro 2016 post longa malsano en Jalutorovsk (Siberio) forpasis Viktor Sergejeviĉ Sapoĵnikov (1953-2016). ***(esperanto-rus-informoj)***

## FILMKONKURSO PRI AMIKECO EN UK

Universalaj Kongresoj estas bona okazo por renkonti geamikojn kaj ekhavi novajn. Por doni atenton al la kongresaj amikecoj, kadre de la Semajno de Internacia Amikeco UEA okazigas konkurson pri amatoraj filmoj kiuj traktas tiun fenomenon. Aŭtoroj de la plej popularaj filmetoj gajnos senpagan kongresaliĝon por sia amiko. Ĉu vi konatiĝis kun nova amiko en Universala Kongreso? Ĉu vi renkontis aŭ planas renkonti viajn geamikojn

en UK? Ĉu vi havas kortuŝajn aŭ frenezajn rememorojn el la kongreso? Rakontu pri tio! La konkurso okazos en la societejo Facebook, kie la gajnintojn elektos la publiko: la premion ricevos aŭtoroj de la plej popularaj filmoj. La aliĝo al la konkurso estas senpaga kaj okazas aŭtomate post aldono de la kradvorto #uk2016amikeco. La filmojn oni povas alŝuti **ĝis la 31-a de marto 2016**. La gajnintoj – kolektintoj de la plej multaj ŝatoklakoj – estos anoncitaj la 4-an de aprilo 2016. En la konkurso povas partopreni ĉiu interesito. Ne gravas la tekniko – la filmo povas esti kolora aŭ nigra-blanka, ankaŭ registrita per poŝtelefono. Tamen ĝi devas esti en Esperanto, kaj ĝia daŭro ne povas superi tri minutojn. Ĉiu povas anonci por la konkurso plurajn filmetojn. UEA atribuos du premiojn, kondiĉe ke en la konkurso partoprenos almenaŭ 25 filmoj. Se oni anoncos por la konkurso pli ol 50 filmojn, estos elektitaj tri gajnintoj. La regularo de la konkurso estas konsultebla en la LKK-retejo de la 101-a Universala Kongreso.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## FORPASIS ROLAND LINDBLOM (1931-2016)



Roland Lindblom, unu el la plej elstaraj aktivuloj de la sveda Esperanto-movado, forpasis la 17-an de januaro, du tagojn antaŭ sia 85-jariĝo. Li naskiĝis la 19-an de januaro 1931.

Lindblom lernis Esperanton 16-jara kaj jam post ses monatoj gvidis kurson de la nove lernita lingvo. Li fondis aŭ instigis fondon de pluraj Esperanto-kluboj, unuafoje en 1949. En 1950 li fariĝis prezidanto de la distrikto de SEF (Sveda Esperanto-Federacio) en Okcidenta Svedio. En 1958 li kunfondis Svedan Esperantistan Junularan Unuiĝon kaj fariĝis ĝia vicprezidanto. Lia partopreno en la gvidado de la landa asocio komenciĝis en 1972, kiam li estis petita helpi la estraron de SEF kiel protokolanto. En 1974 li fariĝis vicestrarano de SEF, en 1976 estrarano kaj en 1978 prezidanto, kiun taskon li plenumis ĝis 1985.

Lindblom membriĝis en UEA en 1953, fariĝis vicdelegito en 1957 kaj delegito en 1970. Komitatano de UEA li estis en 1978-1986, 1992-2001 kaj 2007-2010, estrarano pri kongresoj 1983-1986 kaj kunordiganto de la Elekta Komisiono 1999-2002. Li estis prezidanto de LKK de du UK-oj: la 65-a en Stokholmo (1980) kaj la 88-a en Gotenburgo (2003). La Alta Protektanto de la 65-a UK estis la parlamentestro Ingemund Bengtsson, kiun li persone konis kaj kies apogon al Esperanto li povis ofte utiligi. En 1985 li

persvadis Bengtsson ĉeesti la inaŭguron de la SEF-kongreso en Helsingborg. En la Jubilea Jaro 1987 Bengtsson disponigis la parlamentejon por la sveda Esperanto-kongreso, sed pro lia malsaniĝo ĉeestis parlamentano Daniel Tarschys, posta ĝenerala sekretario de la Konsilio de Eŭropo.

Lindblom reprezentis UEA en du Unesko-konferencoj en Stokholmo: en 1978 pri informado kaj en 1998 pri kulturo. En 1998 li reprezentis UEA ĉe la konferenco de ISO en Stokholmo. En la 98-a UK en Rejkjaviko en 2013 li estis elektita Honora Membro de UEA.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## ESPERANTOLOGIA KONFERENCO EN NITRO ALVOKAS PRELEGONTOJN

Sub la aŭspicioj de UEA kaj de Centro de Esploro kaj Dokumentado pri Mondaj Lingvaj Problemoj (CED) okazos, kadre de la 101-a Universala Kongreso en Nitro, la 39-a Esperantologia Konferenco. Maria Rosaria Spanò kaj Orlando Raola, la organizantoj de la 39-a Esperantologia Konferenco, invitas ĉiujn fakulojn sendi prelegproponojn pri la temo *Evoluo kaj evoluigo de la internacia lingvo Esperanto: diversspecaj influoj kaj faktoroj*. Oni sendu prelegresumon (maksimume 250-vortan), kune kun sinteza biografio, al la retadreso <esperantologiakonferenco2016@gmail.com>, plej malfrue ĝis la 30-a de aprilo 2016.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## OK KANDIDATOJ EN ELEKTO DE SES KOMITATANOJ B

Ok Esperanto-aktivuloj konkursos pri la rajto reprezenti la individuajn membrojn de UEA en la Komitato de la Asocio dum la periodo 2016-2019. Ses el ili estos elektitaj kiel komitatanoj B per poŝta balotado, kiu komenciĝos en aprilo. La nombro de kandidatoj estas malpli ol tiu en 2010, kiam 12 membroj kandidatiĝis, sed pli ol en 2013 kiam la elekto okazis inter 7 personoj. La kandidatoj estas, en alfabeta ordo, Emílio Carlos Vaz Cid (Brazilo), Johan Derks (Serbio), Mark Fettes (Kanado), Maritza Gutiérrez González (Kubo), Stefan MacGill (Hungario), Roy McCoy (Nederlando), Barbara Pietrzak (Pollando) kaj José Antonio Vergara (Ĉilio). La voĉdonado okazos laŭ la maniero priskribita en la Ĝenerala Regularo. Atentu, ke por ricevi voĉdonilon vi devas esti individua membro de UEA kaj havi aktualan poŝtadreson en la datumbazo de UEA. Por aliĝi vidu ĉe <http://uea.org/alighoj/alighilo> kaj vi povas kontroli vian poŝtadreson post ensaluto ĉe <http://uea.org/via/>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# la verda KoRo

kultura revuo


## KONSTANTIN GUSEV – 100-JARA!

Konstantin Miĥajloviĉ Gusev naskiĝis la 31-an (laŭ la julia kalendaro la 18-an) de januaro 1916 en rusia urbo Voroneĵ. Li finis la geografian fakultaton de Voroneĵa universitato kaj faris kelkajn geografiajn ekspediciojn en sovetia Mez-Azio.

Pri Esperanto li eksciis de sia amiko kaj kolego Vladimir Glazunov dum la studentaj jaroj. Oni rakontis, ke Glazunov donis al li lernolibron de Esperanto kaj sekvatage, aŭ post du-tri tagoj – mi ĝuste ne memoras, Gusev redonis la libron. Kiam Glazunov demandis, ĉu Esperanto ekinteresis lin, responde Gusev etendis al la amiko propran versaĵon en Esperanto.

Kiam meze de la 1930-aj jaroj en Hispanio estis enlanda milito, Gusev eklernis la hispanan lingvon. Li prenis la libron «Don Kiĥoto» en la hispana kaj ĝian tradukon al la rusa kaj trastudis ambaŭ. Rezulte li bonege ekposedis la hispanan.

Malgraŭ la granda miopeco li partoprenis la Grandan Patrolandan militon kontraŭ la faŝista Germanio.

Mi konatiĝis kun Konstantin Miĥajloviĉ en 1963 dum la grupvojaĝo al la 48-a Universala Kongreso en Sofio. Tio estis la unua partopreno de sovetiaj esperantistoj en UK post la likvido de E-movado en Soveta Unio dum la jaroj 1937-38, kiam oni pafekzekutis la gvidantojn de SEU (Sovetrespublikara Esperantista Unio) kaj multajn anojn enprizonigis kaj tenis en koncentrejoj.

En Sofio Gusev verkis bonegan versaĵon laŭ la melodio de la konata kanto “Любимый город” [Amata urbo] (“Sofio kara, urbo de l’ kongreso, ni amas vin...”). Kiam post 15 jaroj en Bulgario okazis la 63-a UK, la kon-

gresanoj demandadis nin: “Ĉu Gusev venis?”.

En 1962 laŭ la decido de CK KPSU (ЦК КПСС – Centra komitato de la Komunista Partio de Soveta Unio, la ĉefa gvidorgano enlanda) estis kreita kaj ekfunkciis Komisiono pri internaciaj ligoj de sovetaj esperantistoj ĉe SSOD (ССОД – Союз советских обществ дружбы и культурной связи с зарубежными странами [Unio de sovetiaj societoj de amikeco kaj kulturaj ligoj kun eksteraj landoj]). La prezidanto de la Komisiono estis profesoro Jevgenij Alekseeviĉ Bokarjov. Gusev, estante vicprezidanto de la Komisiono, entreprenis la eldonan laboron. La unua eldonaĵo estis “Kantoj de sovetaj komponistoj”, kiun ni veturigis al UK. Poste li lanĉis eldonadon de la almanako “Por la Paco” kaj de literaturaj broŝuroj, prozaj kaj poeziaj. Li kolektadis materialojn, tradukadis, tajpadis, plene preparadis por eldono. Lin helpis kelkaj membroj de la Komisiono, kvankam en la eldonaĵoj iam estis indikataj multaj anoj de la redakta grupo. La gvidantoj de SSOD iam opiniis, ke estas neprestiĝe indiki nur unu faranton, do postulis listigi kelkajn, kiuj havis neniun rilaton al tiu laborego[1]. Min Gusev petis legadi la broŝurojn kaj korekti la mistajpaĵojn. Entute dum lia funkciado, en la jaroj 1963-1970, estis eldonitaj pli ol 30 broŝuroj.

Li virtuoze tradukis en Esperanton la teatraĵon de Majakovskij “Cimo”, kiun studenta teatro de Moskva Ŝtata Universitato prezentis en 1966 en la 22-a Internacia Junulara Kongreso en Hungario kaj en kvar polaj urboj en 1967.

Gusev kaj mi tradukis la novelon de Ĉingiz Ajtmatov “La unua instruisto”, kiun li tajpe pretigis por eldono, tamen ĝi ne estis eldonita, ĉar la SSOD-aj funkciuloj intence “perdis” ĝin.

Tiu laboro estis tute kromofica, nepagata. Lia ofica laboro estis alia – tiam li gvidis fakon en la ĉefa enlanda ĵurnalo “Pravda”. Ofte en “Pravda” aperadis versaj tradukoj de Gusev, kiujn li faradis al la rusa el verkoj de diversnaciaj sovetiaj poetoj. Li aperigis ankaŭ du ruslingvajn poemarojn.

Kiam en 1970 mi revenis Moskvon post laboro en Sirio, mi trovis, ke Konstantin Miĥajloviĉ ne plu okupiĝas pri la eldona afero Esperanta. Oni rakontis al mi, ke lin tre kolerigis la nekompetentaj postuloj de la SSOD-a

[1] La fakta bildo jenis pri “Por la paco”: n-roj 1-3 ne havis personajn indikojn pri kompilintoj, 4 – Gusev kaj Ĥoves, 5 – la samaj plus Samodaj, 6 – Gusev kaj Samodaj, 7 – la samaj tri plus Zisman, 8 – same, sed sen Zisman, kaj nur en la 9-a n-ro, 4 jarojn post lanĉo de la serio por unu fojo aperis redakta komitato el 14 personoj; la pluaj n-roj estis jam sen Gusev: 10 – leningrada brigado, 11 – Samodaj, 12 – la sama kun Salnikov. Proksimume same devas esti pri aliaj broŝuroj. Redaktaj komitatoj estis krome por sovetiaj numeroj de “Paco”, sed tie reale laboris ne sola Gusev. (La red.)

gvidantaro, li pordofrapis kaj lasis tiun laboron, dirinte: “Mi ne povas labori kun tiuj ĝendarmoj!”

Profesoro Bokarjov proponis al mi okupiĝi pri la afero. Gusev multe helpadis al mi, jam estante serioze malsana.

Konstrantin Miĥajloviĉ multege tradukadis al Esperanto poeziaĵojn el diversaj lingvoj: el la rusa, ukraina, hispana, portugala kaj aliaj. Nur el la verkaro de Majakovskij li tradukis 12 mil versojn (liniojn)! Kaj krome multon el Miĥail Lermontov, Sergej Jesenin, Robert Roĵdestvenskij, Jevgenij Jevtuŝenko, Taras Ŝevĉenko, Lesja Ukrainka, Garcia Lorca, Pablo Neruda, Castro Alves kaj ceteraj. Liaj tradukaĵoj estas modelaj, tamen plejmulto restas neeldonita kaj kuŝas en la Voroneĵa arkivejo.

Gusev estis homo tre amikema, havis multegajn korespondantojn enlande kaj ekster ĝi. Kaj tre gastama. Foriri el lia hejmo estis malfacile. Jen mi pretas foriri, li akompanas min al la pordo, adiaŭas, prenas inter fingrojn butonon de mia vestaĵo kaj parolas, parolas... Ofte mi ricevadis de li gratulojn diversokaze. La gratuloj ĉiam estis versaj.

Li mortis en 1980, 64-jara.

En la voroneĵa lernejo, kie lernis Gusev, estis organizita muzeo, dediĉita al li. En ĝi estas eksponataj multaj dokumentoj kaj fotoj el lia vivo kaj agado.

Mi dankas la sorton kaj Esperanton pro tio, ke ili donis al mi la ĝojon koni plurajn mirindajn homojn, inter kiuj elstaris Konstantin Miĥajloviĉ Gusev. Konstantin Gusev estas homo kaj esperantisto neforgesebla!

*Vladimir Samodaj (Belgio)*

## «EN LA MEMORA GALERIA BILDO...»

**(pri la kunveno en la Moskva E-klubo, dediĉita al 100-jariĝo de Konstantin Gusev)**



La 10-an de februaro en la Moskva E-klubo “Lev Tolstoj” okazis kunveno omaĝe al la memoro pri la fama rusa esperantisto kaj poeto Konstantin Gusev, kiu celebrus ĉi jare sian 100-an naskiĝdaton. En la kunveno, krom esperantistoj, partoprenis liaj parencoj: filo Viktor Konstantinoviĉ Gusev, bofilino Vera Ivanovna, nepo Ivan Gusev; ankaŭ pluraj amikoj kaj eksaj kunlaborantoj.

Konstantin Miĥajloviĉ naskiĝis la 31-an de januaro 1916 en Voroneĵ en familio de fervoja oficisto. En tiu ĉi urbo li finis mezlernejon,

poste la geografian fakultaton de la loka universitato. Ĉi tie li ankaŭ komencis en la 1940-aj jaroj sian ĵurnalisman kaj literaturan agadon: en la redakcio de la ĵurnalo "Kommuna" ("Komuno"), en la Voroneĵa libra eldonejo. En la almanako "Literatura Voroneĵ" estis publikigitaj liaj unuaj versaĵoj. En sia hejmurbo Konstantin ankaŭ konatiĝis kun sia estonta edzino Ludmila. En 1951 K.Gusev eklaboris en la redakcio de la ĵurnalo "Pravda". Ekde tiu tempo la familio de Gusev loĝas en Moskvo.

Centro de ĉies atento en la kunveno estis la filo de la poeto Viktor Gusev. Li prezentis fotoekspozicion el la familia arkivo, interese kaj emociplene rakontis pri la patro kaj recitis plurajn liajn ruslingvajn poemojn.

Konstantin Miĥajloviĉ estis tre kapabla kaj verva homo. Viktor Konstantinoviĉ nomis lin "pioniro" en ajna sfero, kiu interesis lin. La unua lia granda intereso estis la hispana lingvo, kiun li memstare studis dum la studenta periodo. Kiel rakontis Viktor Gusev, lia patro studis la lingvon laŭ la romano "Don Kiĥoto" de Cervanto. Post du semajnoj de persista trastudo de la verko Konstantin jam sonĝis en la hispana lingvo.



En la 1930-aj jaroj, kiam en Hispanio komenciĝis la civitana milito kaj estis murdita far faŝistoj la legenda hispana poeto kaj muzikisto Federico Garcia Lorca, Konstantin Gusev komencis tradukadi liajn verkojn al la rusa lingvo kaj al Esperanto. Poste, en 1968 en Moskvo estis eldonita la unua libro de poemoj de Garcia Lorca en Esperanto en tradukoj de K.Gusev. Kiel notis Nikolao Gudskov en sia parolo pri la kreado de K.Gusev, tiu ĉi libro aperis pli frue, ol la alia analogia versaro de Garcia Lorca en Esperanto, tradukita de la hispanparolanta esperantisto el Venezuelo Fernando de Diego.

Esperanton K.Gusev ekstudis, same kiel la hispanan lingvon, dum la studentaj jaroj laŭ konsilo de sia amiko Vladimir Glazunov, kiu donis al Konstantin por konatiĝo lernolibron de la internacia lingvo. Kiel asertas Viktor Gusev, Konstantin post unu tago redonis al Vladimir la libron, en kiun li enmetis sian unuan versaĵeton en Esperanto. Ekde tiu tempo Konstantin aktive korespondadis kun hispanaj esperantistoj, batalintaj kontraŭ

la reĝimo de Franco. En 1937, kiam en Soveta Unio komenciĝis persekutado de esperantistoj, Konstantin Gusev estis arestita kaj submetita al kruelaj torturoj (imitado de pafmortigo). Oni postulis de li denunci sian amikon Vladimir Glazunov kiel eksterlandan spionon, sed Konstantin ne perfidis lin.



Same fidela li dumvive estis al sia amata edzino Ludmila, kiun li ĉiam subtenadis dum malfacilaj periodoj de ŝia vivo. Pri unu montra epizodo rakontis Viktor Gusev. Post fino de la universitato en Voroneĵ Ludmila laboris en kolĥozo de Voroneĵa provinco kaj foje estis akuzita pri amasa morto de brutaro. Ludmila estis ekzilita al norda senhomejo en la Arĥangelska provinco, kaj tien veturis ankaŭ Konstantin por helpi al la amikino. Tiel ili iĝis geedzoj.

Konstantin Miĥajloviĉ, same kiel Ludmila Ivanovna, tre ŝatis poezion, multajn poemojn konis parkere. Ofte la geedzoj komencadis tagon ne per gimnastiko, sed per recitado de diversaj versaĵoj laŭ la alfabeta ordo. Al ĉiu naskiĝtago de Ludmila Konstantin Gusev donacis versaĵon, dediĉitan al ŝi. Viktor Konstantinoviĉ deklamis unu el tiuj versaj donacoj, en kiu estis bele vortludita la hejma nomo de Ludmila – Lu. Bedaŭrinde, mi ne povas adekvate transdoni tiun vortludon-refrenon en Esperanto. Ruslingve ĝi sonas tiel: «Лю, тобою начинается и кончается “люблю”» («Lu, per vi komenciĝas kaj finiĝas “mi amas”»). En mia tradukprovo tiu linio aspektas malpli brile: «Lu, per vi komenciĝas kaj finiĝas “lumflu’”».

La hejmo de Gusev-familio ĉiam estis gastama. Ĝin ofte vizitadis esperantistoj, ankaŭ eksterlandaj. Viktor Konstantinoviĉ rememoris pri kelkaj tiaj vizitoj. Mi ankaŭ komence de la 80-aj jaroj vizitis tiun ĉi faman domon sur la ŝoseo Altufjevskoje en Moskvo. Bedaŭrinde, tiam Konstantin Miĥajloviĉ jam ne estis inter la vivantoj (li mortis la 9-an de novembro 1980). Sed mi havis feliĉon persone konatiĝi kun Ludmila Ivanovna kaj Viktoro. Poste, la 19-an de majo 1984 mi en kompanio de Gusev-anoj kaj Vladimir Samodaj veturis al Voroneĵ, kie en tiu tago estis malfermita la muzeo de Konstantin Gusev en la mezlernejo № 17, kiun li siatempe finis. En mia memoro tiuj renkontiĝoj kun familianoj de Konstantin Gusev restis kiel unuj el la plej helaj: mi konatiĝis kun tre inteligentaj, varmanimaj homoj, kaj komunikado kun ili neniam estis teda. Pri tio mi kelkvorte diris dum la jubilea kunveno kaj prezentis mian tradukon al Esperanto de la originala

ruslingva poemo de K.Gusev “Ты помнишь, в сентябре прозрачен воздух…” (“Aero diafanas en septembro...”). En tiu ĉi kajero de REGo ĝi estas publikigata komplete kun la originalo.

Dum la kunveno elpaŝis pluraj moskvaj esperantistoj. Gvidis la kunvenon Svetlana Smetanina, kiu estis la ĉefa organizanto de la aranĝo. Ŝi prezentis al la ĉeestantoj rarajn ekzemplerojn de la libroj de K.Gusev, eldonitajn dum lia vivo. Viktoro Aroloviĉ estis sola inter la ĉeestantaj esperantistoj, kiu persone konis la poeton, vizitis lin hejme. Viktoro recitis en Esperanto du poemojn, tradukitajn de K.Gusev: “Borodino” de M.Lermontov kaj “Al kamarado Nette – vaporŝipo kaj homo” de V.Majakovskij. La aŭtoro de tiuj ĉi linioj ankaŭ recitis la tradukitan de K.Gusev versaĵon de A.Puŝkin “La vintra vojo” kaj, kiel jam estis menciite, originalan ruslingvan versaĵon de K.Gusev kaj sian tradukon de tiu poeziaĵo en Esperanto. Nikolaj Gudskov rakontis pri krea heredaĵo de Konstantin Miĥajloviĉ, pri lia fruktodona eldona agado en la 1960-aj jaroj. Krom la poemaroj de M.Lermontov, V.Majakovskij, S.Jesenin, L.Ukrainka, Garcia Lorca kaj aliaj poetoj, li preparis la kajerojn de la almanako “Por la paco”, kantaron “Kantoj de dekkvin sovetaj respublikoj” k.a. Ja K.Gusev estis ne nur poeto, sed ankaŭ aktiva socia aganto en nia lando, inkluzive Esperanto-movadon. Nikolao menciis sian serĉon de la originalaj poemoj de K.Gusev, kiujn li inkludis en la almanakon “Moskvaj Sonoriloj” (eldonejo “Impeto”, 2007), kaj faris proponon daŭrigi kolektadon de la originalaj verkoj de la poeto kaj laŭeble eldoni ilin libroforme. Junaj esperantistoj Ilja Muravjov, Aleksej Nistratov kaj Aleksandr Lebedev deklamis kelkajn versaĵojn de rusaj klasikuloj, tradukitajn de K.Gusev.



La kunveno estis malordinara evento en la agado de la Moskva klubo. Ĝi montris grandan intereson de esperantistoj al krea heredaĵo de Konstantin Gusev kaj aktivigis agojn por ties konservo kaj disvastigo.

***Ludmila Novikova (Moskvo)***

## VERSAĴOJ KAJ TRADUKOJ DE KONSTANTIN GUSEV

### NEŬTRALULO

Militfajrigantoj surtere
minacas per buĉo brutala…
Sed li tion iras pretere,
Ĉar estas li – "homo neŭtrala".

Krimulo la bombon faligas
Sur bebon kaj panjon dum lulo...
Sed li: "min ĉi tio ne ligas,
Ĉar estas mi ja... neŭtralulo".

Usona soldat' agresanta
Vjetnamajn kampulojn mitralas.
Li tamen: "Pro kredo plej sankta
Al tio mi ankaŭ neŭtralas".

Pleniĝas sur kvin kontinentoj
De sangaj krimfaroj la listo…
Lin tuŝas neniuj eventoj,
Li estas ĝis fin' – neŭtralisto.

Kun iom da miro kaj timo
Rigardas mi lian vizaĝon:
Ĉu estas li viro aŭ cimo
Denaske suĉanta malsaĝon?

Kaj kiam lin mem oni murdos,
Li, kiel statista rolulo,
Remaĉe, kutime ekgurdos:
"Ĉar estas mi ja –
neŭtralulo…"
1966

* * *

### ТЫ ПОМНИШЬ, В СЕНТЯБРЕ…

Ты помнишь, в сентябре прозрачен воздух,
Просеянный сквозь сито паутины.
И даль ясна, и дарят ясность мозгу
Родного неба синие глубины.

Вся жизнь чиста – от неба до колодца,
От облака до выбеленной хаты.
И только золотою пылью солнца
Дрожит простор полей, недавно сжатых.

Тоска возникла по земле, по зёрнам,
По свежеобмолоченным колосьям,
По ярким зорям, омутам озёрным…
Мы это вспомним, мы и за это спросим
С врагов проклятых в их конце позорном,
За эту уничтоженную осень.

1941

## AERO DIAFANAS EN SEPTEMBRO…

Aero diafanas en septembro,
Kribrita per la aranea reto.
Kaj klaras for’, kaj donas al la cerbo
Samklaron la bluhela firmamento.
La vivo puras – de l’ ĉiel’ ĝis koro
De nubo ĝis la blanka muro ĥata.
Kaj nur per la oreca sunpulvoro
Trembrilas postrikolta kampo glata.

Aperis nun pri l’ tero tristo plora,
Pri la grenkamp’ kun la spikar’ tritika,
Pri l’ profundaĵoj lagaj, lum’ aŭrora...
Sed kondamnitos l’ hordo malamika
Post kiam venos ties fin’ malglora
Pro la ekstermo de l’ aŭtun’ unika.

1941

*Traduko: Ludmila Novikova (2016)*



# *ALEKSANDR PUŜKIN*

## VINTRA VOJO

Tra nebuloj ondiĝantaj
Sin apenaŭ trenas lun’,
Al la tristaj kampoj randaj
Triste fluas ĝia lum’.

Laŭ la vintra voj' enua
Vigla trio kuras for,
La tintilo kontinua
Nur lacigas per sonor'.

Ravas ion de l' intimo
Kantoj de l' veturigist':
Jen senbrido kaj sentimo,
Jen senlima kora trist'.

Nek lumeto, nek kabano,
Nur dezerto, neĝo nur
Kaj la voja akompano –
Striaj verstoj en obskur'.

Triste, morne... Morgaŭ, Nina,
Mi revidos vin kaj jen
Antaŭ vi pro ĝoj' anima
Min forgesos ĉe l' kamen'.

La horloĝmontrilo lante
Rondon faros kaj en fin'
Ĉiujn tedajn forpelante
La meznokto benos nin.

Dume, Nina, mi enuas
Kaj dormetas la kunul',
Nur la tinto kontinuas,
Dronas luno en nebul'.



## *MIĤAIL LERMONTOV*

### VELO

Blankadas velo unusola
En la nebula mara blu'.
Ĝi kion lasis, kion volas
En fremdaj vastoj serĉi plu?

La ondoj ludas, vento spiras,
La maston fleksas kun fervor';

La velo ĝojon ne aspiras,
Nek de la ĝojo kuras for!

Ĝin kronas ora bril' ĉiela,
Sub ĝi lazuras l' onda spac'.
Sed ŝtormon serĉas ĝi ribela,
Kvazaŭ en ŝtormoj estas pac'!

## MEDITO

Rigardas triste mi al la samtempularo!
Markita per malplen' estonta ĝia tag',
Dum, sub la peza prem' de kono kaj malklaro,
Oldiĝos ĝi kaj pasos for sen ag'.
La patroj ŝarĝis nin denaske per eraroj,
Per sia tarda saĝ' kaj tute vana est'.
La vivo tedas nin, kiel vagad' sen faroj,
Festeno en la fremda fest'.
Al bono kaj malbon' hontinde koregalaj,
Sen lukto vivas ni, velkante pli kaj pli,
Kaj antaŭ la danĝer' perdiĝas, time palaj,
Kaj jugon mem obeas sklave ni.
Ja tiel magra frukt' pro frua tromaturo
Ne kontentigas per la gusto kaj kolor',
Dum pompas ĉirkaŭ ĝi la floroj de naturo,
Ĝi baldaŭ devas fali for!

Sekiĝis nia cerb' pro la senfrukta scio,
Eĉ de la amikar' envie kaŝas ĝi
Mokitajn revojn, jam utilajn por nenio,
Sub masko de senkred' kaj senpasi'.
Apenaŭ tuŝis ni kalikon de la ĝuo,
Sed frue lasis nin la juna energi',
El ĉiu ĝojo jam gustumis kun enuo
Plej bonan ties sukon ni.

La verkoj artaj kaj la revoj poeziaj
Per sia dolĉa rav' neniam tuŝas nin,
Restaĵon de la sent' avaraj brustoj niaj
Enfosis pro avid' kaj gardas ĝis la fin'.
Hazarde kaj malamas ni kaj amas,
Ne oferante nin al la koler' kaj am',

Kaj iu kaŝa frid' en la anim' ĉiamas,
Eĉ se la sango brulas jam.
Kaj enuigas nin amuzoj de iamo,
De la antaŭular' malĉasta ĝoj' kaj ard';
Ni hastas al la ĉerk' sen bono kaj sen famo,
Mokante vivon per rigard'.

Per baldaŭ forgesota sombra aro
La mondon lasos ni sen bruo kaj sen spur',
Post ni ne restos eĉ komenco de bonfaro,
Nek la fekunda penso por futur'.
Kaj nian cindron mem, kun kondamnanta brilo,
Ofendos posteul' en akra epigram' –
Amara moko de l' trompita filo
Super la patro, bankrotinta jam.



## *SERGEJ JESENIN*

* * *

Bela estis nia Tanjo, ŝin adoris la vilaĝ',
Ruĝa brod' sur blanka robo, rozaj vangoj de junaĝ'.
En krepusko post la kortoj venis ŝi al la ravin'.
Ludis luno kun la nuboj kaj prilumis rave ŝin.

Jen aperis juna knabo, krispan kapon klinis li:
"Mi edziĝos kaj ne kisos, kara, vin eĉ fojon pli".
Ŝi paliĝis, kiel neĝo, staris daŭre sen parol',
Kaj serpente la harligo volvis sin sur ŝia kol'.

Poste diris ŝi: "Karulo, mi ne plu ĉagrenos vin!
Nur mi diru: al aliu tuj mi iĝos la edzin'."
Ne la mesaj sonoriloj – geedziĝa plensonor'.
Rajdas festo, sed rajdantoj la vizaĝon kaŝas for.

Ne kukoloj eklamentas – la parencoj veas ŝin.
Brulas vundo ĉe l' tempio, morta kuŝas la knabin'.
Kaj korole sangaj gutoj frostas jam sur la vizaĝ'.
Bela estis nia Tanjo, ŝin adoris la vilaĝ'.

## *VLADIMIR MAJAKOVSKIJ*

### MIRINDA AVENTURO OKAZINTA AL MAJAKOVSKIJ EN LA SOMERLOĜEJO

***(Puŝkino, Akulov-monto, somerdomo de Rumjancev, 27-a versto de Jaroslava ŝoseo)***

Centkvardeksune brilis flam'
de l' ruĝo sunsubira,
someran lokon fandis jam
julivarmego mira.
En Puŝkino
ĝibfleksas sin
Akulov-monto urba,
kaj post ĝi
kurbis sur tersin'
vilaĝo tegmentkurba.
Post la vilaĝo
estis tru'.
En tiun truon, vere,
la suno ĝuste,
sen malfru'
kaŝis sin vespere.
Kaj morgaŭ
ree
al la ter'
torentas ĝia oro.
Kaj tagposttage
ĝis koler'
min mordis
tia moro.
Kaj foje, el somerloĝej',
terura pro kolero
mi kriis al la suno:
"Hej,
ne iru al infero!"
Mi kriis:
"Vanmanĝulo, vi
tra nuboj vagas vante,
sed mi nur spektu kun envi',

sloganojn desegnante[1].
Sufiĉas,
orofrunta sun',
subiru por nenio,
subiru
teon trinki nun
en mia kompanio!"
Kion mi faris!
Sensaĝul'!
Pereas mi,
forbrulas –
al mi
la suna flama bul'
la paŝradiojn rulas.
Mi volas timon kaŝi en
retiro singardema.
Ĝi paŝas jam
al la ĝarden',
jam sur la pad' ĝardena!
Trans la pordego,
la baril'
lavangas
sunamaso,
blindigas min
per ega bril'
kaj diras ĝi
per baso:
"Relumas mi
post tagofin'
unue de l' mondkreo.
Ĉu vi, poeto,
vokis min?
Do kie estas teo?"
Ĝis larm'
turmentas min la varm',
sed gestas mi humila
al la bolanta samovar':

[1] Tiam (en 1920) la poeto kunlaboris en Rusia telegrafagentejo, desegnante sloganojn kaj verkante satirajn versojn por "Fenestroj de satiro".

“Sidiĝu,
moŝt’ lumila!”
Ĉu mian langon la diabl’
kriigis?
Kaj en ruzo
mi sidas flanke
de la tabl’,
timema ĝis konfuzo.
Sed de la suno
stranga klar’
elfluas tre agrable.
Mi pace jam babilas,
ĉar
aŭskultas ĝi afable.
Mi iom plendas
pri labor’,
min laciganta kriple,
sed ĝi:
“La plendojn
lasu for,
rigardu ĉion simple.
Ĉu ne pli peza
estas pen’
lumigi mondon nian?
Sed mi
plenumas ĝin,
kaj jen –
mi haltas ja neniam!”
Babilis ni
ĝis nokta hor’,
ĝis eksa nokto vere –
pelitaj ĉiuj noktoj for,
ni “cias” jam
sincere.
Je ŝultro ĝin,
laŭ tradici’,
mi frapas jam kun ĝuo,
la suno same:
“Mi kaj ci,
kamaradeca duo!

Poet’, aŭroru,
kantu ni
tra griza universo.
Kaj mian sunon verŝu mi
kaj vian vi
en verso.”
Noktmuroj,
ombroj
falis jam
pro duoblpafa lumo.
Jen brilas ĝi
per sia flam’,
jen mi per mia plumo.
Se lacas ĝi,
kaj la vesper’
ekkuŝus pro dormemo,
mi mem sonoras tage
per
la lumo de poemo.
Do ĉiam,
ĉie luma flu’
ne ĉesu – forta, juna.
Nur lumi
kaj nenion plu –
jen mia dev’
kaj suna!



## *FEDERICO GARCIA LORCA*

### ROMANCO PRI LA TRISTO NIGRA

Fosas bekoj de la kokoj,
serĉante ruĝon aŭroran,
kiam laŭ la mont’ obskura
rajdas Soledad Montoya.
Flava kupro – ŝia korpo
frostigas aeron ambran.
Fumaj ambosoj – la mamoj
elĝemas kanzonojn rondajn.
– Soledad, kiun vi vokas

tiom malfrue kaj sola?
– Ĉu al vi ĉi tio gravas?
Mi vokas, kiun mi vokas.
Mi serĉas, kion mi serĉas –
min mem kaj ĝojon personan.
– Soledad de miaj pentoj,
ĉevalo, kiu vin portas,
senbrida trafos la maron
kaj falos abismon ondan.
– Ne timigu per la maro,
ja la tristo nigra fontas
en la teroj olivarbaj
sub la flustro verdokrona.
– Soledad, do kia tristo
vin turmentas kaj aldonas
amaron de buŝ' kaj revo
al viaj larmoj citronaj?
– Kia tristo! Mi ekkuras
freneze al vasto fora,
miaj harligoj sin trenas
de l' lito al ŝtupoj sojlaj.
Kia tristo! Iĝis nigraj
mia karn' kaj ŝtofo roba.
Ho, miaj ĉemizoj linaj!
Ho, kruroj papavkoloraj!
– Soledad, lavu la korpon
per alaŭda akvo bona,
kaj lasu la koron jam
en pac', Soledad Montoya.

* * *

Sube kantas la rivero –
flugo ĉiela kaj boska.
Per floroj de la kukurbo
la nova lumo sin kronas.
Ho, nigra tristo cigana!
Tristo pura, ĉiam sola.
Ho, tristo de kaŝa valo
kaj tagiĝo tiom fora!

# JUBILEAJ DATOJ DE LA JARO 2016

*Nikolaj Evstifejev* (1866-?) – 150 jaroj
*Ivan Lidin (Moĥov)* (1891-?) – 125 jaroj
*Efim Spiridoviĉ* (1891-1935) – 125 jaroj
*Nikolaj Incertov* (1896-1937) – 120 jaroj
*Georgij Korotkevicx* (1916 – ?) – 100 jaroj
*SEU* – 95 jaroj
*Rusa-Esperanta vortaro de E.Bokarev* – 50 jaroj
*APERo* – 10 jaroj
14.01 – *Klara Ilutoviĉ* – 70 jaroj
21.01 – *Aleksandr Osincev* – 30 jaroj
30.01 – *Nikolaj Hohlov* (1891-1953) – 125 jaroj
31.01 – *Konstantin Gusev* (1916-1980) – 100 jaroj
03.02 – *Sergej Obruĉev* (1891-1965) – 125 jaroj
05.02 – *Vjaĉeslav Roĵdestvenskij* – 75 jaroj
23.02 – *Georgo Deŝkin* (1891-1967) – 125 jaroj
02.03 – *Aleksej Ĵuravljov* – 60 jaroj
07.03 – *Sergej Straŝnenko* – 60 jaroj
09.03 – *Viktor Aroloviĉ* – 70 jaroj
30.03 – *Semjon Vajnblat* – 80 jaroj
02.04 – *Boris Zozulja* – 75 jaroj
12.04 – *Galina Belenjuk* – 80 jaroj
12.04 – *Gennadij Ŝilo* – 75 jaroj
10.05 – *Antonina Bokarjova* – 70 jaroj
11.05 – *Hilda Drezen* (1896-1981) – 120 jaroj
04.06 – *Aleksandr Koteljnikov* – 60 jaroj
29.06 – *Nikolaj Terentjev* – 60 jaroj
10.07 – *Andrej Korobejnikov* – 30 jaroj
28.07 – *Natan Futerfas* (1896-1937) – 120 jaroj
28.07 – *Valerija Cvetkova* – 80 jaroj
29.07 – *Dmitrij Cibulevskij* – 70 jaroj
02.08 – *Sergej Bozin* (1956-2006) – 60 jaroj
14.08 – *Valentin Seguru* – 60 jaroj
17.08 – *Aleksandr Osokin* – 50 jaroj
18.08 – *Alexander Shlafer* – 60 jaroj
05.09 – *Adrian Toporov (1891-1984)* – 125 jaroj
10.09 – *Galina Lenskaja* – 70 jaroj



### *POR LA 75-JARA JUBILEO DE VJAĈESLAV ROĴDESTVENSKIJ*

75 - tio estas ne multe.
75 - vere tago tumulta.
75 - daŭras suno matena,
75 - tempo fluas sen peno.
75 - flugi alte Vi povas!
75 - movi monton Vi provos.

La humoro ankoraŭ ŝtormas,
Diableto en ripo ne dormas!
Vjaĉeslav', laŭ la nobla aleo
Paŝu plu dum la jar' jubilea!
La pokalojn plenigu ĝis rand',
Kaj gratuloj voĉsonu en skand'!

***Viktor Laptev (Ĉeljabinsk)***

12.09 – ***Jurij Pasečnikov*** – 50 jaroj
09.10 – ***Leonid Borisov*** (1946-2008) – 70 jaroj
14.10 – ***Tatjana Kulakova*** – 50 jaroj
17.10 – ***Konstantin Viĥrov*** – 40 jaroj
18.10 – ***Dina Lukjanec*** – 70 jaroj
23.10 – ***Gennadij Basov*** – 60 jaroj
25.11 – ***Sergej Tanejev*** (1856-1915) – 160 jaroj
03.12 – ***Natalja Trunova*** – 50 jaroj
21.12 – ***Vitalij Malenko*** – 40 jaroj
28.12 – ***Margarita Karceva*** – 70 jaroj
28.12 – ***REU*** (fondo surbaze de SEU) – 25 jaroj
30.12 – ***Vladislav Zibenkes*** - 75 jaroj

# LINGVOTREJNADO EN JEKATERINBURG

*La Vintra lingvotrejnado en Jekaterinburg estis sendube tre utila por ĉiuj partoprenintoj. La aranĝo estis bonege preparita de la loka teamo, gvidata kaj inspirata de Raja Kudrjavceva. Ĉiuj restis tre kontentaj kaj disveturis kun la emo daŭrigi la studadon kaj esperantumadon. Bonega evento, unuvorte. Ne pretertrafu ĝin la sekvan fojon!*

***Irina Gonĉarova (Odincovo)***

